# BRAZILA ESPERANTISTO

Oficiala Organo de Brazila Esperanto - Ligo - 90ª Jaro - Nº 304 - Septembro 1998

## *SERIO 1998: "PROVERBARO"*



***PROVERBOJ***
***MAKSIMOJ***
***AFORISMOJ***
***SENTENCOJ***

***PARADOKSOJ***
***DEVIZO***
***MOTO***
***AKSIOMO***

***PENSOJ***

***"Samkiel la parfumo estas la esprimo de la floro, la penso estas la parfumo de la spirito"***

**J. M. de Macedo**

# BRAZILA ESPERANTISTO

90-a Jaro - Septembro 1998
N-ro 304 (trimonata) - Trimestral
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
SDS - Edif. Venâncio III, Sala 409
Brasília, DF
Caixa Postal 3625
70084-970 Brasilia, DF (Brazilo)
Telefono (061) 226-1298
Fakso (061) 226-4446
Internet: bel@brnet.com.br
Hejmpaĝo: http://www.brnet.com.br/bel/bel
Kompostado, presado, Grafika aranĝo
Gráfica Altamisa
Eldonkvanto: 1500
Redaktantoj, aranĝoj, maketo:
Symilde Schenk Ledon
Gilbert René Ledon
Caixa Postal 269
12460-000 Campos do Jordão, SP - (Brazilo)
Telefono-Fakso: (012) 262-1983
**La redaktantoj ne nepre konsentas kun la enhavo de subskribita artikolo**

BRAZILA REVUO ESPERANTISTA
Fondita en 1907
BRAZILA ESPERANTISTO
Fondita en 1908
de Alberto A. Vieira
Reynaldo Geyer
Everardo Backheuser
Pri abonprezo, anonctarifo k.c.
skribu al BEL
Pri kunlaboraĵoj k.c. skribu al la redaktejo



## ENHAVO



## Kovrilpaĝo

## PROVERBARO

(Esprimoj sankciitaj de l'uzado)
L. Bourgois

MAKSIMOJ: "Tiu afero de maksimoj kaj sentencoj, konsideritaj tra lupeo de matura pripenso, estas belaj ornamaĵoj de falsaj ŝtonoj, poluritaj en la kabineto de saĝulo kun flegma filozofio. S. Pellico kaj La Rochefoucauld savis neniun malfeiĉulon de sia destino". (Camilo Castelo Branco)
"La grandaj frazoj de la grandaj principoj estas multfoje citataj por rajtigi kaj pravigi la etajn aĉaĵojn". (Pitigrilli)
Krom kelkaj depruntitaj de fremdaj lingvoj, plej multaj aliaj proverboj fontas el popola sperto kaj herede transdoniĝis, de generacio al generacio. Por esperantigi la naciajn proverbojn, Zamenhof plej ofte uzis rimojn, kiel okazas en la francaj popoldiroj. 'Tia eleganta prezento reliefigas la esprimatan ideon. Estas tre interese kiom ŝanĝiĝas tuta esprimaro de unu lingvo al alia traduke, en la popoldiroj, preskaŭ sen interrilato. Ekzemple: "Oni ne povas sin movi laŭ ĉiu vento aparte"(Z). *"Oni ne povas sonorigi kaj iri al la procesio".* Tiuj du ideesprimoj tradukas la sekvajn, kiuj devene francaj laŭlitere signifus:



"Oni ne povas esti samtempe ĉe la foiro kaj la muelejo" - "Oni ne povas esti ĉe la Kampoj kaj la urbo". Alia ekzemplo: En la franca lingvo, laŭlitere: *"Ĉiu peno meritas salajron"*, traduke al Esperanto: "De kantato senpaga doloras la gorĝo" (Z)Ankoraŭ alia: *"Disponeblas trinkaĵo kaj manĝaĵo!"* - "La trinkaĵo estas ŝlimplena!" "La afero estas duflanka, bona k malbona! Se ni iom pli longe volas komenti la "relativecon" de tradukado, kobolde ni analizu la vorton relativeco laŭ PIV kaj Einstein:"Eco de io havanta ne absolutan, sed nur kondiĉan ekziston"(PIV)." "Neebleco mezuri la absolutan moviĝon tra la spaco".(E)


**Bibliografio:** Dicionário de Pensamentos (Vortaro de Pensoj) F. Masucci. Proverbaro Franca-Esperanta(L.Bourgois).

*HOMO KLINITA* (Unua Paĝo): Kompaktaj kaj fortikaj formoj karakterizas la verbojn de la skulptisto germana E. Barlach (1908).

# DIDAKTIKAJ VORTAROJ

dua parto (sekvo de n-ro 303)

En la unua parto de tiu ĉi artikolo mi antaŭvidis ĝian daŭrigon kun priskribo de la didaktika vortaro, kies literojn G kaj Ĝ mi disdonis dum prelego farita antaŭ kvar monatoj. Sed mi poste ŝanĝis kaj planojn kaj prioritatojn, pro la nova fazo, kiu nun komenciĝas en la Akademio de Esperanto, kiun mi rigardas kun optimismo. Mi do finpretigis antaŭ longe komencitan kvin-ŝtupan morfemaron, kaj tuj sendos ĝin, propone, al la Akademio. Surbaze de tiu morfemaro, mi decidis finpretigi ne unu, sed du "didaktikajn vortarojn". Unu el ili havos tiun nomon, kaj la alia nomiĝos BAZA VORTARO. Ambaŭ aperos unue en la direkto Esperanta-portugala. Ĉi-lasta, unue.

Mi jam plurfoje asertis, ke ĉiu vortaro estas didaktika. Mi tamen konsideras tiujn ĉi pli "didaktikaj" ol la aliaj. Kial? Ĉefe pro tio, ke ili prezentiĝas laŭŝtupe. Mi do unue priskribos tiun morfemaron, kaj nur poste pritraktos la vortarojn, kiuj baziĝas sur ĝi.

## LA KVIN-ŜTUPA MORFEMARO

Fine de 1995, BRAZILA ESPERANTISTO aperigis la BAZAn DIDAKTIKAn MINIMUMOn, kiun mi estis ĵus prezentinta en la Brazila Kongreso de Juiz de Fora. En ĝi estis preseraroj, sed la legantoj, same kiel tiuj, kiuj ĉeestis mian prelegon, certe komprenis miajn tiamajn planojn. Tiam mi diris, ke mia propono al la esperantistaro konsistas el kvin 700-morfemaj listoj laŭ malkreskanta ordo de graveco, facileco kaj ofteco, kaj ke tiu BAZA DIDAKTIKA MINIMUMO konsistigas la unuan ŝtupon. Mi poste faris kelkajn alĝustigojn por forigi la malmultan subjektivecon, kiu ankoraŭ restis en kelkaj listoj. Kaj al la kvin ŝtupoj mi aldonis 100 proprajn nomojn.

Por pretigi mian 5ŜM, mi uzis (en taŭga kombino) la plej uzatajn morfemarojn en Esperantujo. Inter ili, tiun de la Akademio (BRO), tiun de la revuo Kontakto, tiun de la Internacia Kultura Servo el Zagrebo kaj tiun de la revuo Juna Amiko, de ILEI. Al ili mi aldonis ĉiujn morfemojn aperintajn en la DICTIONARY OF 26 LANGUAGES (el kiuj unu estas Esperanto) kaj multajn tradukitajn el la anglalingva kaj ankaŭ kvin-ŝtupa LADDER DICTIONARY.

La kompletan morfemaron mi nun prezentas en du libretoj, kiuj antaŭ la fino de la jaro estos akireblaj en la ĉefaj brazilaj libroservoj, kaj eble ankaŭ eksterlande: KVIN-ŜTUPA MORFEMARO 1 (enhavanta la jam menciitajn 3.600 morfemojn, en alfabeta kaj ŝtupa ordo, kun indiko de ilia pozicio en la ĉefaj morfemaroj) kaj KVIN-ŜTUPA MORFEMARO 2 – PRAVIGO (kun detala analizo de la morfemaroj menciitaj en la ĉi-supra paragrafo, indiko de iliaj neperfektaĵoj kaj de la maniero transformi ilin en vere uzindan gvidilon por pedagogoj kaj verkistoj).

## KIAL DU DIDAKTIKAJ VORTAROJ DE LA SAMA AŬTORO?

Respondante al tiu demando, mi devas konfesi, ke mi intencas produkti ne du, sed kvar didaktikajn vortarojn. La unua jam estas delonge preta. Ĝi nomiĝas ORIGINALA ESPERANTA BILDVORTARO kaj unue aperis en 1991. Ĝi ne estis farita laŭŝtupe. Ĝi tamen havas plurajn aliajn helpilojn, kiel ekzemple, alfabetan vortliston kaj laŭteman vortliston de ĝiaj preskaŭ 3000 bildigitaj vortoj. Kaj ankaŭ abundajn sinonimojn, por faciligi la elekton inter kunmetaĵoj kaj neologismoj. Du aliajn mi pritraktos nun. Kaj la kvaran mi nur rekomencos kiam la du ĉi tie priskribataj jam estos pretaj. Mi anoncis ĝin antaŭ longe, en la antaŭparolo de OEB, donante al ĝi la nomon PRAKTIKA ESPERANTA VORTARO kaj dirante, ke ĝi jam de pluraj jaroj estis komputile preparata.

Mi neniam interesiĝis pri io, kies nura atuto estas grando. Kompleta Vortaro ne ekzistas en libroformo, ĉar, eĉ dum ĝiaj lastaj preparaj tagoj, ankoraŭ estas novaj vortoj aperantaj. Ne longe post la lanĉo de PIV, André Cherpillod publikigis liston de 6.800 NEPIVAJ VORTOJ. Sen troigo, oni rajtas supozi, ke la nuna nombro da nepivaj vortoj estas pli granda ol tiu de la pivaj. Tamen la



ADIAŬO, ALMOZPETO, (pafilo, maŝinpafilo, ANANASO, ARBO, ARMILOJ tridento, tranĉilego), AŬSKULTILOJ, AŬTOMOBILO, AVIADILO, AZENO



**-a**[1A] (term) adjetivo, invariável em gênero: BELa, belo, bela; FRATo, irmão; FRATa, fraterno, fraterna; UNU, um, uma; UNUa, primeiro, primeira; MI, eu; MIa, meu minha. Essa terminação pode ser acrescida do "j" do plural e do "n" do acusativo: TIE ESTas MIa AMIKo KAJ LIaj BELaj FRATINoj (ali estão meu amigo e suas lindas irmãs); TIE MI VIDas MIan AMIKon KAJ LIajn BELajn FRATINojn (ali vejo meu amigo e suas lindas irmãs). V: "-j" e "-n".

**ABELo**[2] (zoo) abelha; ~ARo, enxame; ~EJo, colmeal; ~INo = ~REĜINo; ~ISTo = ~BREDISTo; ~UJo, colmeia (de qualquer tipo).

**ABELBREDADo**[3] (ABEL'BRED'ADO), apicultura; ≈ISTo, apicultor

**ABELKESTo**[2] (ABEL'KESTo), colmeia (moderna, em forma de caixa).

**ABELKORBo**[2] (ABEL'KORBO), cortiço, colmeia (antiga, circular).

**ABELKULTURo**[2] (ABEL'KULTURo) = ~BREDADO; ≈ISTo = ~BREDISTo.

**ABELREĜINo**[2] (ABEL'REĜ'INo), abelha-mestra.

**ABIo**[3] (bot) abeto (pinheiro do tipo da árvore de natal). V: KRISTARBo (árvore de natal).

**ABIFRUKTo**[3] (ABI'FRUKTo), pinha (fruto do pinheiro).

**ABONi**[2], assinar (periódico); ~o, assinatura (de periódico), ~ANTO, ~INTo, assinante; ~EBLa, que se pode assinar. ~ILo, formulário para assinatura. V: MAL~i (cancelar assinatura), RE~i (renovar assinatura). Cp: SUBSKRIBi (assinar, escrever seu nome).

**ABONPAGo**[2] (ABON'PAGO), pagamento de assinatura.

**ABONPREZo**[2] (ABON'PREZo), preço de assinatura.

**ABSOLUTa**[2], absoluto (ts); ~ISMo (pol) absolutismo.

**ABUNDa**[2], abundante; ~i, abundar; ~o, abundância.

**ACIDa**[2], ácido, azedo.

**ACIDMORDi**[2] (ACID'MORDi), corroer (quimicamente); ≈o, corrosão; ≈a, corrosivo.

**-AĈ-**[1C] (suf) depreciativo: DOM~o, casebre, HUND~o, viralata, POPOL~o, ralé; AĈa, desprezível, sem valor; ~AĴoj, ≈ARo, tralha, cacarecos, bugigangas, coisas sem valor; ~ULo, traste, indivíduo desprezível, ignorante. Cp: FIULo (patife), FIAĴo (ignomínia, patifaria), FUŜULo (trapalhão), FUŜAĴo (trapalhada).

**AĈETi**[1B], comprar; ~o, ~ADo, compra (ato de comprar); ~AĴo, compra (coisa comprada); ~ANTo, comprador; ~EBLa, disponível, que pode ser comprado. V: EL~i (resgatar), SUB~i (subornar).

**AĈETATESTo**[3] (AĈET'ATESTo), certificado de compra.

**AĈETPOVo**[1] (AĈET'POVo), poder aquisitivo.

**AĈETVALORo**[1] (AĈET'VALORo), valor na aquisição.

**-AD-**[1A] (suf) 1. ação simples: MARTELADo (martelada), TELEFONADo (telefonema); 2. ação prolongada ou repetida: PAROLADo (discurso), PAFADo (tiroteio).

**Adamo***  (nm) Adão; ~IDo = HOMo (homem, descendente de Adão); ~a, adâmico; ~a POMo (anat) = GORĜa POMo (pomo de Adão). V: ANTAŬ~a (pré-adâmico).

**ADAPTi**[3] (= ALĜUSTIGi) adaptar, ajustar; ~(AD)o, adaptação (ação); ~AĴo, adaptação (coisa adaptada); ~EBLa, adaptável, ajustável; ~IĜi, adaptar-se (= ALĜUSTIĜi). V: RE~ (readaptar).

**ADASISMo**[1] (ADasISMo) (lit) rima pobre em esperanto. Ex: IRADas / KANTADas; ADasISTo, versejador cujas rimas costumam ser pobres.

**ADIAŬ!**[2] (int) adeus! ~i, despedir-se, dizer adeus; ~o, despedida [B]; ~a horo, hora da despedida.

**ADMINISTRi**[3] administrar; ~a, administrativo; ~o, ~ADo, administração (atos e procedimentos de um administrador); ~ANTo, ~ISTo, administrador; ≈ARo, administração (conjunto de administradores); ~EJo, administração (sede, lugar: sala, prédio ou conjunto de prédios).

**ADMIRi**[2], admirar, encantar-se com; ~o, admiração; ~ANTo, admirador; ~INDa, admirável.

**ADOPTi**[3], adotar (filho, idéia etc); ~o, adoção; ~a, ~ITa, adotado, adotivo. Cp: FILIGi (perfilhar).

**ADORi**[3], adorar; ~o, ~ADo, adoração; ~ANTo, adorador; ~EJo (= SANKTEJo), santuário; ~INDa, adorável.

**ADORKLINIĜi**[3] (ADOR'KLIN'IĜi), prosternar-se.

**ADRESo**[1C], endereço, sobrescrito; ~i, endereçar; ~ADo, endereçamento; ~ANTo = SENDINTo (remetente); ~ARo, lista, caderninho de endereços; ~ATo, ~ULo, destinatário. V: RE~i, re-endereçar (atualizar endereço).

**ADRESLIBRo**[1] (ADRES'LIBRo), livro de endereços.

**ADRESLOKo**[1] (ADRES'LOKo), endereço para o qual a correspondência é enviada.

grava atuto de Esperanto neniam estis ĝia vortara grando, sed ĝia fleksebleco, kiu permesas krei novajn vortojn multe pli facile ol en naciaj lingvoj. Kiel en la tempo de la Esperantaj pioniroj, ankoraŭ validas la aserto, ke lingva riĉeco ne dependas de vortara pezo, sed de kapablo ĵongli per ne tro multaj radikoj lerte kombinitaj kaj klare komprenataj.

Ne miskomprenu min. Mi ĉi tie ne parolas pri teknikaj terminaroj, kiuj senĉese kreskadas ĉiulingve. Mi favoras la aperigon de fakaj terminaroj faritaj de fakuloj por fakuloj. Sed mi opinias, ke, en iu ajn lernata lingvo, la abundo de fakaj terminoj ĝenas la lernadon. Do, same kiel plaĉas al mi lerni per malgrandaj vortaroj, tiajn vortarojn mi volas produkti. Mi scias, ke mia vortaro ne povas esti kompleta. Mi ne volas, ke ĝi estu. Kaj ankaŭ mi ne volas ŝajnigi ke ĝi estas.

Kaj kiucele du malgrandaj, didaktikaj vortaroj? La dezirataj grandoj respondas al la malsamaj celoj, kiujn la vortaristoj povas havi. Vortaro "kompleta" ne ekzistas, sed eblas pretigi vortaron sufiĉe grandan por kontentigi tradukantojn kaj scivoluloj. Ĝi devus plonĝi en ĉiujn fakojn, sed en neniu el ili serĉi la fundon, por ne droni. Tia vortaro havus hodiaŭ, en Esperanto, ĉirkaŭ 30.000 morfemojn, por traduki ĉirkaŭ 100.000 portugallingvajn vortojn. Por fari tian vortaron estas necesa kuna laboro. Kaj mi scias, ke Geraldo Mattos (nuna prezidanto de la Akademio) laboras tiudirekten.

Mia iam celata PRAKTIKA VORTARO havus proksimume 15.000 Esperantajn morfemojn. kaj devus taŭgi por verki artikolojn pri iu ajn temo, kun nivelo de fakeco ne pli granda ol tiu de la Esperanta revuaro, de brazilaj **Manchete** kaj **Veja** aŭ de anglalingvaj **Life** kaj **Time**. La DIDAKTIKA VORTARO jam havas la deciditan kvanton kaj elekton: 6.000 morfemojn. Evidente, tie estos ĉiuj 3.600 morfemoj el la KVIN-ŜTUPA MORFEMARO kaj ankaŭ ĉiuj el la listo de 1.000 neoficialaj morfemoj, kies oficialigon mi proponos (pro tio, ke ili estas tre uzataj kaj, laŭŝajne, ankoraŭ ne estis oficialigitaj pro simpla forgeso). LA BAZA VORTARO havos nur 2.000 morfemojn. Kaj evidente ĝi estos eĉ pli didaktika ol la Didaktika. Kaj nur ĝin mi priskribos nun.

## LA BAZA VORTARO

La 2.000 morfemoj de la BAZA VORTARO estis elektitaj jene: Enestas ĉiuj 1400 morfemoj el ŝtupoj 1 kaj 2 plus 500 el ŝtupo 3 kaj 100 aliaj libere elektitaj (inter ili, kelkaj tre uzataj propraj nomoj). Ĉi-apude vi vidas la du unuajn paĝojn de la litero A. Rigardante ilin, mi priskribos la didaktikaĵojn en BV. Kaj vi konkludos, ĉu mi pravas aŭ ne.

En BV estas 19 bildaroj, kun. entute preskaŭ 200 bildoj. Sub ĉiu bildaro estas la nomoj de la troveblaj bildoj. Evidente, tiuj nomoj troviĝas en la vortaro. Vidu, ekzemple, en nia dua paĝo, la vorton **ADIAŬO** (despedida), kun la indiko [B]. Tio signifas, ke por tiu vorto ekzistas bildo. Kelkaj el la bildoj (en la ĉitiea ekzemplo, **ARMILOJ**) estas mem bildaroj. Post tiaj vortoj aperas (parenteze kaj minuskle) la bildetaj nomoj, kiuj ankaŭ troviĝas en apartaj artikoloj de BV. Ĉi-kaze: **pafilo, maŝinpafilo, tridento kaj tranĉilego**. Tiuj vortoj troviĝas respektive en literoj P. M kaj T.

Malgrande kaj pli alte, apud ĉiu kapvorto aŭ kapmorfemo estas indikitaj la ŝtupo kaj la subŝtupo al kiu ili apartenas. Tiel vi rimarkos, ke la finaĵo -a apartenas al ŝtupo 1 kaj subŝtupo **1A**. La vorto **AĈETi** apartenas al subŝtupo 1B. La sufikso **-AĈ-**, al subŝtupo 1C . La vorto **ABELo**, al ŝtupo 2, kaj **ABIo**, al ŝtupo 3. Vi ankaŭ povas rimarki, ke multaj kunmetaĵoj kaj derivaĵoj aperas, kiel apartaj artikoloj (ne ĉiuj) kaj havas, parenteze, la indikon de ilia disdivido. Ekzemple **ADORKLINIĜi** (ADOR'KLIN'IĜi), prosternar-se. Tio permesas, ke la novulo pli facile deĉifru vortojn, kiel **ESTRARANo, REGISTARo**, kaj **KAPJESi**. La ŝtupo de derivaĵo aŭ kunmetaĵo estas tiu de la plej malfacila aŭ plej malofta vortero. Tiel, **ABELBREDADo** apartenas al ŝtupo 3, de **BREDi**, kaj ne al 2, de **ABELo**. Same, **AĈETATESTo** apartenas al ŝtupo 3, de **ATESTi** , kaj ne al 1B, de **AĈETi**. Aliajn didaktikaĵojn vi mem facile trovos trarigardante la du paĝojn prezentiitaj ĉi tie.

Sekvas en n-ro 305

## Kuracisto Opinias

# ĈU HOMEOPATIO AŬ ALOPATIO?

"Tempo ludas per kuracisto same kiel kato per muso."

Disputemo ŝajne apartenas al la homa naturo. Samtempe kiam la homo senĉese serĉadas veron, li tamen ĉiam miksas siajn eltrovojn kun militaj konkeroj, simile kiel primitivaj sovaĝuloj parade montradis siajn rabaĵojn post batalvenko. Verŝajne tiu sinteno funkcias kiel mildigilo al la prema sento pri potencomanko kaj timo pri la estontaj fiaskoj. Ne alie sekvas la afero koncerne medicinon kaj ĝiajn atingojn. La demando "Ĉu homeopatio aŭ Alopatio?" ja ofte aŭdiĝas en la socio, kaj klare esprimas tiun emon oponi vidpunktojn kvazaŭ malamikojn, anstataŭ konsideri ilin du malsamajn, simple paralelajn manierojn alfronti tiun angoran problemon: kiel alfronti malsanon, suferon, morton?

Fakte, tiu demando-disputo ne estas nova. En antikva Grekio jam ekzistis du skoloj, el kiuj originis la du modernaj medicinoj: la
Skolo de Kos kaj la skolo de Knido. La unua estis kreita de Hipokrato, la "Patro de Medicino", kun la jenaj ĉefaj trajtoj:

- sanon influas temperamento kaj konstitucio; ne ekzistas malsanoj sed apartaj malsanaj homoj;
- oni sinteze komprenu malsanon kiel ĝeneralan perturbon de la ekvilibro;
- sano dependas de la bona stato de la principo, kiu tenas vivon (Vitala Forto), kiu ne estas materia, sed dinamika; oni konsideras la ekziston de animo, kiu konstante serĉadas la "altajn celojn de la ekzistado";
- kuracrimedoj: oni aplikas la "leĝon de simileco" (Homeopatio).

La skolo de Knido havis Galenon kiel sian plej altan defendanton. Jen ĝiaj ĉefaj trajtoj:

- oni analize elstarigas la organajn, lokajn pertubojn kiel esencon de la malsanoj;
- malsanoj estas similaj fenomenoj en ĉiu homo;
- sano kaj malsano estas konsekvencoj de fizikaj kaj ĥemiaj fenomenoj (materiismo);
- por kuraci, oni uzas rimedojn, kiuj kontraŭas la efektojn de la malsano (Alopatio, Enantiopatio).

Montriĝis, ke la skolo de Knido divastiĝis tra la tuta mondo multe pli ol tiu de Kos, tiel ke la tiel nomata "oficiala medicino"de la moderna mondo estas esence alopata. Oni povus longe analizi, kial la mondo elektis ĝin, sed sendube influis la ĝenerala inklino al raciismo, materiismo kartezismo, meĥanikismo, kiuj regas en la socioj. Oni apenaŭ povas supozi, kia estus la sanstato de la tuta homaro, se ĝi estus elektinta la alian vojon. Tamen, ekzistas minoritato, kiu neniam plene rezignis pri la alia vidpunkto koncerne medicinon; tiaj estas homeopatoj kaj uzantoj de Homeopatio.

Homeopatio estis iniciatita de la genia, humanisma germana kuracisto Kristiano Frederiko Samuelo Hahnemann (1755 - 1843), kiu post multaj jaroj da praktikado kaj eksperimentado venis al kompleta teorio, resumebla per kvar leĝoj

1. "*Similia similibus curentur*". Medikamentoj estas vere efikaj nur, se ili kapablas kaŭzi malsanon similan al tiu, kiun oni volas kontraŭi.




2. Medikamentoj devas estis diluitaj kaj skuitaj por akiri sian kuracan potencon, tiel ke ne la ĥemia, materia substanco sanigas, sed gia energio, kapabla stimuli la vitalan forton de la paciento mem.

3. Oni uzu nur unu medikamenton ĉiufoje, kaj neniam miksaĵojn, kiuj ne permesas kompreni, kiu el la medikamentoj efektive agis.

4. Por provi, kiel efikas iu medikamento, la sola metodo konsistas el observado ĉe sana homo. Ĉia alia metodo estas vana spekulado.

La "oficiala", ĝenerale akceptata medicino esta fakte miksaĵo de tri specoj de konceptoj:

1. Alopatio: kuracado per "malsamaj" rimedoj. Uzado de kortizono kontraŭ reŭmato estas ekzemplo de influado en la ĥemiaj pertuboj de tiu malsano. Same agas antibiotikoj, kiam mikroboj atakas la korpon.

2. Enantiopatio: kuracado per "kontraŭaj" rimedoj. Uzado de kontraŭfebraj, kontraŭacidaj kaj kontraŭspasmaj medikamentoj estas tipaj ekzemploj.

3. Izopatio: kuracado (aŭ preventado) per "samaj" rimedoj. Vakcinoj, ekzemple.

Kiu estas la pli bona, la pli efika medicino? Jen la frapa demando. Bedaŭrinde, ne ekzistas same frapa, definitiva respondo.
Malgraŭ nia emo al matematikaj, absolutaj konvinkoj, koncerne medicinon tio ne estas ebla. Same Homeopatio kiel Alopatio havas avantaĝojn kaj malavantaĝojn; ambaŭ prezentas teoriajn kaj praktikajn limojn, kaj oni klare montras filozofian mankon, se oni maniĥeisme adoptas unu flankon kaj atakas la alian kiel malpravaĵon. Jen pasia sinteno, tute ne konforma al la serena sinteno, kiun oni devus esperi de homoj serĉantaj veron. "Homo posedanta certecon estas ia infano" ironiis Nietsche.

Laŭ ideala vidpunkto, kvankam Homeopatio kaj Alopatio baziĝas sur kontraŭaj konceptoj, kuracistoj devus kapabli disponi pri la rimedoj de ambaŭ. Ekzistas cirkonstancoj, en kiuj unu aŭ la alia medicino efikus pli bone. La granda arto de la kuracisto devus esti la kapablo percepti, kiun rimedon li apliku al konkreta paciento, por lin resanigi.



Ne hipokrita Hipokrato

Kompreneble, scienca esplorado estis multe pli intensa en la kampo de Alopatio, en la lastaj jarcentoj, tiel ke ĝi evoluis multe pli ol Homeopatio. Amaso da mono estas uzata ĉiutage por serĉado laŭ alopatia vidpunkto, kio kaŭzis grandan progreson kaj influon sur la sanstaton de la homaro. Tion montras la ŝanĝo en daŭro de vivo en la ekonomie evoluintaj landoj. Ĉu tio signifas, ke la homoj vivas pli feliĉe, jen alia afero. Oni nur povas spekuli, kiel status la sano de la homaro, se sama kvanto da mono estus uzita por evoluigi kaj disvastigi Homeopation.

Ĝis nun, almenaŭ unu klaran diferencon oni povas distingi: Homeopatio estas esence preventa , kaj eble malpli influa, kiam la perturboj de la vitala forto estas jam tiel gravaj, ke okazis profundaj lezoj en la korpo: tiam, eble Alopatio estas pli oportuna. Alopatio siavice okupiĝas nur pri la korpo kaj ignoras spiriton, dum Homeopatio konsideras sana nur tiun homon, kiu paŝas survoje al interna memkono kaj evoluo.

Kiu estas la pli bona? Se sciencistoj kaj kuracistoj sukcesus forigi de siaj mensoj tiun infanan disputemon, eble tiam ĉiuj povus kunigi siajn fortojn por serĉi senantaŭjuĝajn manierojn plibonigi la vivon de la hormoj sur la tero, kaj korpe, kaj spirite. Estas tempo forigi netoleremon en Scienco kaj Medicino, kaj klarmense uzi ne nur Alopation, sed ankaŭ Homeopation, Naturismon, Akupunkturon, Fitoterapion, Makrobiotikon, Spiritkuracadon kaj ĉian ajn eblan rimedon por ame forigi suferon.

Ne eblas respondi, kiu estas la pli bona. Anstataŭe, estas preferinde konstati, ke la demando estas malĝusta, ĉar ne temas pri ekskluda elekto, sed pri multfaceta, kompleksa problemo. Simile okazus, se oni demandus: "Kiu estas pli bona vojaĝo: ĉu per omnibuso aŭ per aviadilo?" Ĉiu prudenta homo respondus: "Dependas de la cirkonstancoj, kaj ĉefe de la vojaĝcelo."

(Paulo S. Viana)

# NUKLEA ARMILO

Ĉu nukleaj armiloj ankoraŭ restas la plej efikaj rimedoj por konkeri landojn kaj merkatojn? - Tute ne ! - Jen la motivo kial ĉiuj potencaj landoj, kiuj regas la kapablon fabriki tiujn "konvinkilojn"movadas por nuligi tian minacon kontraŭ la homaro. Oni scias ke, pro nuklea milito postrestos nur (se restos) kvazaŭ kadavroj en radioaktivaj nebuloj je ega malvarmo pro manko de sunradioj dum ne prognozebla tempo. Surogato multe pli efika, sendanĝera por la atakanto fariĝas ĉieestanta. Ĉu vi jam rimarkis ĝin ? - Ĝi estas la modernaj komunikiloj, televizio kaj la Granda Gazetaro. La pafaĵo estas la lingvo de avidaj konkeremuloj. Ilia valuto trudiĝas preskaŭ samtempe. La suvereno de la invadita lando putriĝas kaj disfalas, ĉefe en landoj kie la plimulto de la deputitaro havas, laŭ la gazetaro, vendiĝeman konduton. Sufiĉas observi la modifojn kiuj ebenigas la vojon por la invadantoj. El ili ja estas pluraj tamen plej progresas tiu, kiu plej avantaĝe rajtas uzi la komunikilojn. En Sudameriko, kie ni povas pli najbare konstati la ŝanĝojn, oni sentas nocan influon sur la nacian lingvon. Lante ĝi iĝas bastarda, helpate de naivaj homoj, kiuj ne hontas adopti fremdlingvajn vortojn tute senbezone. Aldoniĝas la fakto, ke la fremdlingva prononco igas la nunan generacion aĉe neglekti ĝustan prononcon de nialingvaj vortoj je tioma grado, ke malfacilas kompreni ilin persone, des malpli bone kiam ili parolas tra mikrofono.

Laŭ mi, jen "municio" utila por defendi nian tranĉeon dum reklamadoj favoraj al nia verda varo. Laŭ ĉi-supra pravigo mi lastatempe adresas homojn, ie ajn kie montriĝas breĉo, kiun oni nepre devas penetri, por trairigi la mirindajn ecojn de nia lingvo ĉar ĝi alstrebas la ĝustan signifon de vortoj kaj la purecon de nacilingvoj. Jen do invito, ke ĉiu movadano provu demonstri al sia kunparolanto aŭ korespondanto la supre menciitajn faktojn facile pruveblajn, ĉiam kaj kie eblas.

G.O.Vaske



## NIA LINGVO

# Ni-Esperantistoj-atentu!

KRONIKO de Maria Almada

Ĉar la Tria jarmilo alproksimiĝas, multaj organizaĵoj preparas sin por bonvenigi ĝin, ankaŭ nia movado. Aperas grandiozaj planoj, prekaŭ febraj, tio signifas, ke revadas la esperantistaro. Jes revi estas necese en la vivo, sed tiuj revoj estu realigeblaj. Multaj el ni elreviĝas se la antaŭvidita plano ne sukcesas kaj tuj kulpigas la movadon pro tio. Iuj plendas pro manko de mono, manko de havaĵo, sed neniu el ni pro manko de kapablo. Ĉiuj pretas ŝanĝi la homaron, sed neniu volas sanĝi sin mem. Ĉiuj daŭre kredas, ke pro ilia agado la esperanta-movado venkos, se tio ne okazas ili forlasas la laboron, eĉ la movadon.

Esperanto havas fazojn, kiel la luno: fazon vagadi kaŝe kaj fazon por aperi brile, sed tio dependas de la sindona klopodo de la esperantistaro. Esperi, lukti por atingi la celon ne ĉiam estas eble, sed ofte la tempo solvas la problemon kaj ni devas esti atentaj por la ekzakta horo.

UEA per Kampanjo 2000 intencas prepari la movadon por la nova jarmilo. La celo estas promocii kaj kunordigi la progreson. Tio postulas grandan nombron de homoj kaj grandan kvanton de mono. Levi kaj organizi la nivelon de Esperanto-Komunumo bezonus subtenon de UNESKO kaj aliaj instancoj. La problemo estas, ke ili favoras al angla lingvo kaj tiele iĝas la plano ne realigebla, momente.

BEL-siavice, planas altigi la nombron de la anaro ĝis 2000, sed ne diris, kiuj faru tion kaj kiamaniere? La malfacilaĵoj ne troviĝas en akcepti novajn ideojn, sed liberigi de la malnovaj ideoj, kiuj ne plu validas. La sola solvo ŝajne, troviĝas en konstanta solidareco de la anaro. Ĉu tio ekzistas? Estu ni atentaj kaj ne planu multon kaj realigu nenion.

Estus bezonate allogi, instrui la lingvon al novaj interesatoj. Kiuj pretas fari tion? Kiu agadas sur tiu kampo, bone scias kiel peniga laboro estas tiu tasko. Konvinki la homojn, ellerni ne nur studi, la lingvon, estas necese havi grandan sindediĉon kaj kapablon por tiu lukto. Inter ni svarmas la "eternaj" komencantoj. Kian propagandon ni faras dum niaj kunvenoj? Ni ne klopodas uzi Esperanton, sed gaje kaj bonvole "krokodilas". La komencantoj konkludas do, ke oni parolas esperanton nacilingve. Kiu intencas ekzercadi la lingvon aŭdas arojn da eraraj vortoj de jam malnovaj esperantistoj. Se ni daŭre tiel propagandas estu ni certaj, ke la fabelaj planoj restos surpapero dum la tria jarmilo. Estu ni atentaj!

## NI DISVASTIGU ESPERANTON PLI TRAFE

*La sekvantaj linioj estas dediĉitaj al tiuj kiuj luktas heroe kontraŭ indiferento kaj stulteco*

1) Etika kaj praktika kialoj:

Ne justas, ke bonintenca homo povas nek kompreni aliulon, nek esti komprenata nur ĉar li (ŝi) ne regas ties lingvon. Memkompreneble racias, ke ĉiuj homoj interkomunikiĝu per la plej facila, preciza kaj taŭga lingvo.

Verŝajne neniu normale inteligenta persono dubas pri la avantaĝoj de tia interkomunikado por scienco, ekonomio, politiko, religio, sporto, amuzado kaj amo. El tio evidentiĝas, ke aktivaj esperantistoj estas avangardo de serioze progresema homaro. Klara koncio pri tio instigas respondecajn homojn al agado.

2) Realo de la situacio:

Seriozaj kaj trafe aktivaj esperantistoj estas minoritato ene de la E-malplimulto. Sed eĉ tiuj, kiuj konsideras Esperanton nur duaranga ŝatokupo, fortigas la movadon ekonomie, politike, numere kaj en ĝia ekstera propaganda efiko.

Kiuj estas gravaj faktoj malhelpantaj la enkondukon de nia lingvo? Sendube la tute normala homa indiferento kaj inerto. Al ili sumiĝas la pardonebla kontraŭa intereso de tiuj, kies lingvo superregas nuntempe en la internaciaj organizaĵoj. Estas kompreneble, ke personoj, kiuj naskiĝis kun lingvaj prerogativoj, ne ŝatas ilin perdi. Nur tre noblaj karakteroj pretas rezigni pri privilegioj, favore al homara justeco. Sed senĉagrena komprenemo ebligas superi tiujn obstaklojn.

Malpacienca elreviĝo de E-varbantoj eviteblas per tia supozo: El cent personoj, al kiuj ni parolas pri E., eble unu interesiĝas. El cent, kiuj interesiĝas, eble unu komencas lerni la lingvon. El cent, kiuj lernas, eble unu enviciĝas aktive en la movado. - Kvankam tiaj taksitaj proporcioj ne estas ekzaktaj, ili helpos almenaŭ eviti tro grandajn esperojn. Nur firma konvinko, persista obstino kaj trafa agado koncedos sukceson.

Multaj homoj nur interesiĝas pri io, se tio rilatas al personaj avantaĝoj. Tiuj kun pli alta kvalito ankaŭ interesiĝas se pozitivaj kaj noblaj konceptoj rilatiĝas kun la propono. Oni pripensu kaj utiligu tian realon dum la E-varbado.

3) Prepara laboro:

Aŭdinte kaj leginte ion tre ofte, homoj ĝin akceptas pli facile. La reklamado de grandaj firmoj pruvas tion. Do per koncizaj sloganoj ofte plublikigataj ni povus helpi la disvatigon de E. . Jen kelkaj ekzemploj de tiaj sloganoj:
ESPERANTO: la lingvo de la 21a jarcento
ESPERANTO: monda sukceso. Partoprenu!
ESPERANTO: kaj vi havos amikojn en cent landoj.
ESPERANTO: kaj vi trovos ŝancojn en 5 kontinentoj.

Ofta menciado de E. ie ajn favoras multe la postan semadon de la lingvo. Tiuj, kiuj informiĝas pri E. el diversaj fontoj, pli facile konvinkiĝas. En la revuo "Esperanto", n-ro



1094 László Szilvási rekomendas trafege "Senpagan E-reklamon": a) En multaj laborejoj kaj ankaŭ en lernejoj, universitatoj ekzistas publikaj murtabuloj por afiŝado. Pendigu taŭgan E-materialon - mallongan, sed atentokaptan kaj belaspektan:
b) En multaj programoj de radio kaj televido oni ebligas altelefonadon al aŭskultantoj. Kuraĝu partopreni ankaŭ vi!. Dum via parolo menciu vian esperantistecon aŭ Esperanton!
c) Multaj gazetoj aperigas leterojn de legantoj. Al multaj temoj oni povas rilatigi lingvajn aferojn kaj esperanton.
d) Anoncgazetoj postulas malgrandajn sumojn. Do indas aperigi tie anoncetojn pri E-instruado ktp.
e) Apud trafikplenaj vojoj ofte ebligas pendigi tabulon pri E. Sed ĝi devas aspekti okulfrape kaj bele!
f) Agu mem kaj instigu agi aliajn! Estu fiera pri via esperantisteco!

4) Individua varbado:

Konvenas ke buŝa persona varbado enkroĉiĝu en jam ekzistantajn interesojn: religio, filatelio, scienco, sporto ktp. Tiamaniere E. rolas komence kiel helpilo evoluonta eble al unuaranga intereso. Rekomendindas agadi taktoplene kaj ne lacigi aŭskultanton. Alie la efekto negativiĝus.

5) Instruo kaj lernigado:

Instruo kaj lernigado estu adaptotaj al la mensa nivelo de la lernantoj. Trafa instruo por intelekte ne tre lertaj homoj, enuigos kaj forpelos intelekte kapablajn. Trafa instruo por personoj, kiuj jam lernis (iomete almenaŭ) alian lingvon, senkuraĝigas ofte neklerulojn. Ofte malfacilas apliki la ĝustan metodon en kolektivaj kursoj, dum en individua instruo tio rezultas pli facile. Ĝenerale rekomendindas celi la pli klerajn lernantojn. Ties sukceso kaj konstanto estas ja pli verŝajna.

Kompreneble la supraj konsiloj utilas nur por kursoj kie la instruisto kaj la lernantoj estas samlingvanoj. Alie la metodo Cseh (aŭ iu simila) estas necesa. Indiki la gravecon de memlernado, disponigi instigan materialon, pliampleksas ege la instruan efikon. Sendube la talento de la instruisto por adaptiĝi al la nivelo de la lernanto gravas tiom, kiom ties kapablo kaj konstanto.

6) Vivtenado de la intereso:

Personaj avantaĝoj, ĉu ekonomiaj, ĉu prestiĝaj, ĉu alispecaj estas normala motivo en homoj. Erare estas kondamni ĝenerale tian realon. Konvenas pli utiligi ĝin, direkti ĝin al konstruaj celoj, Ĉi tiuj ne mankas en nia movado. Ivo Lapenna jam rekomendis en "E. en perspektivo": ... flegi kaj evoluigi ĉion pozitivan, firme kaj senkompromise liberiĝi de ĉiuj negativaĵoj...".

Sekve gravas, ke ni apogu kaj favoru ĉion konstruan evitante kverelojn kaj akran polemikon. Erarojn kaj mispaŝojn oni povas ĝustigi taktoplene per prudentaj konsiloj.

La etoso en klubaj kunsidoj aŭ allogas aŭ forpuŝas homojn, kiuj interesiĝas pri E.. Do gravas, ke oni faru tiajn kunvenojn kiel eble plej agrablajn. Diverĝo de opinioj ofte solveblas pli bone inter du aŭ tri personoj, anstataŭ inkludi la tuton de la klubanoj aŭ rondanoj.

Ĉie ajn, kie troviĝas du aŭ pli da esperantistoj, ili devus kunsidi almenaŭ po unufojo monate. Ne nur sento de esperantista solidareco tiel fortiĝas; ankaŭ oni povas praktiki la lingvon kaj esplori eblecojn disvastigi ĝin pli efike. Strikta trudo de E. povas forpeli tiujn, kiuj ne bone regas la lingvon. Tial rezultas pli prudente praktiki E-konversacion en similnivelaj gruperoj. Tiel oni ne fortimigas unuopulojn pro vundita memestimo aŭ enuo.

Pruntedoni aŭ disdonaci E-publicaĵojn ofte akumulitajn en polvaj staploj stimulas la legadon kaj la reklamon. Abonigi revuojn, aŭskultigi E-radio-elsendojn, membrigi interesulojn en organizaĵoj, per ĉi ĉio ni kultivas kaj flegas nian lingvon.

7) Aktivigo de lernintoj:

Lernintoj, kiuj kontinue klerigas sin esperantiste, certe estas laŭdindaj. Sed krome justas, ke ili diskonigu la lingvon kun siaj kvalito kaj ideo. Oni ne pravas profiti la akiritan konon nur por propra ĝuo. Justas helpi al aliaj, ke ili komprenu tion, kion esperantistoj jam perceptis. Tial rekomendindas: Propagandi ĉiam, ĉie, ĉiel - kiam, kie kaj kiel eble.

Werner Schad (AR)

# RECENZO

***KANAANO* - Romano de Graça Aranha. El la portugala tradukis Caetano Coutinho. Eldonis Brazila Esperanto-Ligo (1987). 188 paĝoj.**

Kial eldoni kaj recenzi tiom malnovan romanon (1901-1902)? Temas pri klasika verkisto kiu analizis socialajn problemojn en tiu "bela epoko"kiam Brazilio (mi uzas "fundamentan" landnomon: Brazilio, kiun oni adoptis ĝis 1926!) enhavis 17 milionojn da loĝantoj. Tial min interesis la verko des pli, ke post 100 jaroj la samajn analizojn oni povas montri eĉ se la loĝantaro saltis de 17 al preskaŭ 170 milionoj (10 oble pli). Bedaŭrinde la "Bela Epoko" transformiĝis en "Ekonomika Hororo", t.e. la ĉefa diferenco.

Oni klasigas la aŭtoron en la monisman filozofion; la ĉefa rolulo de la romano "Milkau" aŭ "Milkaŭ" elstarigas tiun trajton en siaj longaj ditirambaĵoj. Tamen la fataleco de "la baza principo" konstante alternas kun la realismo de la moderna romantikismo. Tio retenas la leganton al plua legado eĉ se la intrigoj estas dispecigitaj. La realismo de homaj sintenoj, kondutoj kaj agadoj malmulte ŝanĝiĝas, ĉu en la tempo ĉu en la lokoj, tial la romano estas aktuala kaj bone elstarigas la eblecon pri interplektado de la homaj valoroj, kio feliĉe okazas en Brazilio, kaj estas la universala celo de Esperanto.

La aŭtoro, tamen, pere de du germanoj kiuj kontrastas en siaj pensmanieroj montras kiel naciismo prezentiĝas; tiam ne estis la svastika kruco de la nazioj, sed la aglo de la supera raso povus regi. Oni eĉ aludas, ke mankas brazila naciismo!... ŝajnas ke tiu problemo, nuntempe estas plene solvita same se estas pere de futbalo kaj karnavalo. Cetere jam antaŭ cent jaroj oni bedaŭris, ke la koloniigado ne okazis pere de germanoj sed pere de portugaloj kiuj tro facile fikis la sklavajn negrinojn! Graça Aranha ne forgesis aludi pri tiuj fenomenoj. Mi tamen aldonas preter rasismaj konsideroj, ke se la koloniigado de Brazilio estus okazinta pere de Germanoj aŭ Britoj, kiel en Aŭstralio, pli dezerta ol Brazilio, ni ne havus la "eternan"problemon de malsato en nia seka "Nordoriento", sed estas alia afero.

Alia afero tiam analizita de Aranha estas la ekologia, tiu vorto certe ne ekzistis, sed "ĝis kiam ni dehakos la praarbaron"diras la aŭtoro.

Mi fakte miras kiam la prokuroro Graça, ja ŝtata oficisto, rekte esprimas la malbonon kaj senutilecon de la monstro-ŝtato (paĝo 65 kaj 164): "...estas domaĝe, ke en tiu primitiva formalaĵo enmiksiĝas senutile la Ŝtato... ĉu ne estus pli perfekte, ke la tero kaj ĝiaj aĵoj estus ĉies propraĵo, sen vendado, sen posedo?"Oni facile divenas la tiamajn influojn de socialismaj kurentoj. Li aldonas: "La leĝoj, devenantaj de malpuraj fontoj por nuligi la fekundan liberecon, ne esprimas la novan rajton..." ĉu tio ne sonas anarkie? Li bonege priskribas la agon de la "juĝo-povo", tiel Coutinho tradukis la ŝtatajn kontrolistojn, kun akuzisto, persekutisto, registristo, juĝisto, advokato, kiuj subite aperis por fari



inventarojn ĉe la terurigitaj kolonianoj, kiuj devis elpoŝigi arbitrajn sumegojn. Eĉ tiel la aŭtoro ne sukcesis priskribi la korupton, subtablan traktadon, la arbitrajn impostojn de niaj nuntempaj politikuloj kaj kontrolistoj de la ŝtato, kiuj same kiel la loĝantaro dekobliĝis!

Aliaj impresaj priskriboj estas tiuj de la riĉa naturo mem, kiu povus esti vera Kanaano por ĉiuj. Impresaj estas la rakontoj pri kutimaj festoj de Germanoj, estas la ritoj de Madjaroj kaj Ciganoj en la mortigo de ĉevalo. Impresa estas la akuŝo de junulino forpelita de la loka societo, kiam en la ĝangalo sovaĝaj porkoj formanĝas la ĵusnakiton, kio okazigas akuzon kiel murdulino al la kompatindulino. Kaj, kvazaŭ ŝekspire, tiel finiĝas la romano.

La tradukinto Caetano Coutinho jam en 1905 proponita de Zamenhof por la "lingva komitato"(nun Akademio de Esperanto) nur povas esti garantio pri kvalito de tiu traduko, klasika, fundamenteca. Mi nur trovis 2 ne-PIV-ajn vortojn, monotonio anstataŭ monotoneco kaj brisko (kartludo) kiu tamen estas en la vortaro Esperanto-Português de Alan Kardec A. Costa, verŝajne pro enkonduko de Coutinho mem. Kelkaj portugalismoj enestas, kiel la fama priokupiĝo anstantaŭ maltrankviliĝo kaj bedaŭrinda anstataŭ kompatinda. Iom ĝenis mian legon la trouzo de sufiksoj kiel eg kaj et, ekzemple tro ofte aperas la vortoj "timegigita" aŭ "varmegigita" tute logikaj kaj klasikaj sed pezaj kaj malbelaj. En paĝo 43 iu "...prosperis al mi trovi..." sonas tre strange. Postrestis malmultaj preseraroj kiuj ne malhelpas la legadon kiel salvanto anstataŭ savanto, aŭ propolo anstataŭ popolo. La litertipoj meritus esti pli grandaj por tia verko, kaj oni sentas la streĉon de la kompostisto por "ĉapeligi" nian alfabeton. Aliflanke la ilustraĵoj, eĉ se ili estas ekstertekstaj, riĉigas la tuton kaj estas sugestivaj por la teksto mem. En la komenco la mapoj estas bonvenaj precipe por eksterlandanoj.

Resume jen libro kiun la eksterlandanoj same kiel la enlandanoj nepre devus legi, pro la enhavo kaj pro la klasika lingvaĵo. Mi dankas al tiu iniciato de eksprezidanto de BEL, Fernando Galvão Marinho okaze de la 100-jariĝo de Esperanto, kaj petas pardonon al li, ke mi legis tiun juvelon nur post pli ol 10 jaroj.

Gilbert Ledon

## Letero de la eks-kasisto

### Karaj legantoj,

Saluton! Pro diversaj kialoj ni ne prezentis al vi la bilancon de Nia organizo, sed nun ni tion faras. Ĝi rilatas al periodo jul96 - jul97 - kaj jul97 - jul98.

Bone, laŭ la enspezoj ni akiris en la unua periodo 46 abonantajn membrojn, 20 protektantojn kaj 7 patronojn. Ankaŭ kiel enspezo ni ricevis donacojn por Rebato Servo kaj por ĝenerala kaso. La elspezoj rilatas al nia poŝtkesto kaj korespondado. Tio inkluzivas la sendadon de varbleteroj, aliĝiloj kaj aĉeto de kovertoj, kiujn ni apenaŭ havis. La aliaj elspezoj temas pri Rebato-Servo, Pasporta Servo kaj Kongreso en Curitiba.

Bilanco Julio/96 - Junio/97

| ENSPEZOJ | | | ELSPEZOJ | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Rezulto el la antaŭa periodo | 480,00 | 480,00 | Korespondado (kovertoj, afrankoj) | 128,75 | |
| Kotizoj | | | Varbado (informilo/aliĝilo/varbleteroj k.s.) | 97,96 | |
| abonantoj | 460,00 | | Oficejaj materialoj (kovertoj, papero k.s.) | 161,26 | |
| protektantoj | 400,00 | | Fotokopioj diversaj | 27,71 | |
| patronoj | 350,00 | | Administraj kostoj (poŝtkesto, kvitancioloj k.s.) | 37,16 | |
| | | 1210,00 | | | 452,84 |
| Donacoj | | | | | |
| Rebato-Servo | 460,00 | | Rebato-Servo (fotokopioj, sendado) | 140,13 | 140,13 |
| Diversaj | 400,00 | | Pasporta Servo | 50,75 | 50,75 |
| | | 123,00 | Kongreso | 161,26 | 79,25 |
| Enspezoj entute | | 1813,00 | Enspezoj entute | | 722,97 |
| | | | REZULTO (Enspezoj - Elspezoj) | | 1090,03 |

Bilanco Julio/97 - Junio/98

| ENSPEZOJ | | | ELSPEZOJ | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Rezulto el la antaŭa periodo | 1090,03 | 1090,03 | Korespondado (kovertoj, afrankoj) | 117,00 | |
| Kotizoj | | | Varbado (informilo/aliĝilo/varbleteroj k.s.) | 1,76 | |
| abonantoj | 380,00 | | Oficejaj materialoj (kovertoj, papero k.s.) | 11,10 | |
| protektantoj | 100,00 | | Fotokopioj diversaj | 6,40 | |
| patronoj | 300,00 | | Administraj kostoj (poŝtkesto, kvitancioloj k.s.) | - | |
| | | | Eldonaĵoj | 639,80 | |
| | | 780,00 | Bankaj elspezoj | 12,10 | |
| Vendoj= Div. | 199,00 | 199,00 | | | 788,16 |
| Donacoj | | | Rebato-Servo (fotokopioj, sendado) | 32,32 | 32,32 |
| Pasporta-Servo | 10,00 | | Pasporta Servo | 74,90 | 74,90 |
| Momenton! | 30,00 | | | | |
| Diversaj | 26,00 | 66,00 | | | |
| Enspezoj entute | | 2135,03 | Enspezoj entute | | 895,38 |
| | | | REZULTO (Enspezoj - Elspezoj) | | 1239,65 |

Dum la dua jaro ni akiris 36 junajn membrojn, 5 protektantojn, kaj 6 patronojn. La donacoj ricevitaj estis por Pasporta Servo, Momenton! kaj por la ĝenerala kaso. Nia plej grandaj elspezoj de la periodo estis por la eldonaĵoj: 60 T-ĉemizoj, 500 memorlibroj pri nia 30 jariĝo kaj Momenton! 31.

Carlos Eduardo de Oliveira

Librofoiro:

Okazis de la 29ª de aprilo ĝis la 10ª de majo la "15ª Bienal Internacional do Livro"de Sào Paulo, tie ni esperantistoj havis bonan okazon propagandi nian karan aferon. Brazila Esperanto Ligo kaj Esperanto Asocio de San Paŭlo partoprenis de la foiro sambude. Dum la foiro estis lanĉita la esperanta versioh de "O Menino Maluquinho" de Ziraldo, La Knabo Frezeneta, kiu estis tie unu tago por subskribi siajn verkojn sub la budo de la Eldonejo Melhoramentos.

Inter pluraj libroj de nia budo la plej okulfrapaj al la ĝenerala publiko estis "La Knabo Frezeneta" kaj "O Diário de Anne Frank", do pro tio ne mankis scivolemuloj al nia budo.

Ziraldo, la aŭtoro de O Menino Maluquinho permesis, fakte petis, la tradukon de alia libro, kiu verŝajne estos lanĉota venontjare en la sama foiro.

Dum la dua semajno la kvanto de vizitantoj atingis sian pinton, tiam, en la televidila nokta programo "Jô Soares 11:30", estis intervjuita la tradukanto de la libro, Kristoĉjo, kune kun ĝia aŭtoro Ziraldo.

Multaj personoj interesiĝis pri nia lingvo, kaj multaj ankaŭ petis informojn pri kursoj en siaj urboj, kvankam en kelkaj urboj ni ne sciis pri la ekzisto de esperantistoj. Inter la prospektoj disdonitaj estas tiuj de Brazila Esperanto Ligo, Esperanto Asocio de San Paŭlo, kaj dum kelkaj tagoj oni ankaŭ disdonis faldfolion pri BEJO. Ni ankaŭ donis informojn pri la Koresponda Kurso de Brazila Esperanto Ligo.

Rilate al vendado oni multe vendis, unu el la plej vendataj estis La Frenezeta Knabo, sed oni multe vendis ankaŭ lernolibrojn, bildvortarojn, gramatikojn, kaj romanojn laŭ tiu ordo. La neesperantistoj aĉetis precipe lernolibrojn kaj vortarojn.

Volontuloj por nia verda budo ne mankis, la budo ĉiam estis plena da ili, kvankam en kelkaj momentoj ili ne estis kvante sufiĉaj. La plej granda parto estis de la urbo São Paulo, sed ankaŭ estis el Campos do Jordão, Brasília, Paraíba do Sul (RJ), Campinas kaj Paulínia.

BEJO ankaŭ aktive partoprenis en tiu laboro kun siaj estraranoj Carlos E. Oliveira kaj James Piton.

Bona novaĵo estas ke BEL intencas partopreni ĉiujare de la librofoiro, kiu ekde 99 iĝos jara.

Carlos E. de Oliveira

| Statistiko je julio de 1998 | BEJO-anaro | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Ŝtato | Abonoj | Protektantoj | Patronoj | Entute | Urboj |
| São Paulo | 21 | 1 | 3 | 25 | 11 |
| Ceará | 11 | - | 1 | 12 | 1 |
| Mina Gerais | 10 | 1 | - | 11 | 5 |
| Rio de Janeiro | 4 | 2 | 2 | 8 | 7 |
| Distrito Federal | 4 | 1 | - | 4 | 3 |
| Paraná | 1 | 1 | - | 2 | 1 |
| Rio Grande do Norte | 1 | - | 1 | 2 | 1 |
| Pernambuco | 1 | - | - | 1 | 1 |
| Espírito Santo | 1 | - | - | 1 | 1 |
| Alagoas | 1 | - | - | 1 | 1 |
| Rio Grande do Sul | 1 | - | - | 1 | 1 |
| Acre | - | - | 1 | 1 | 1 |
| **Entute** | **56** | **6** | **8** | **70** | **34** |

# Rapidaj Konsideroj pri la Pozitiva Skolo de la Puna Juro.

Laŭ la kompetenta opinio de la karmemora brazila juristo, Nelson Hungria, "Kriminologio" estas la disciplina scienco kiu zorgas pri la krimo kaj la krimulo. Ĝi estas la eksperimenta studo pri la fenomeno de la krimo, celanta esplori ĝian etiologion kaj provi ekstermi ĝin per preventaj kaj kuracaj rimedoj. La studo pri la grava disciplino apogiĝas en diversaj aliaj sciencaj objektoj kiuj sin dediĉas al la serĉado de la efektivigo de ĝiaj celoj, kiuj en lasta analizo estas la konaĵo pri la krimulo kaj la batalo kontraŭ la krimeco, ĉefe evitante ĝin kaj per kuracado malpermesi, ke la deliktinto refalos en novaj krimoj.

La hodiaŭa koncepto pri la krimo kaj la krimulo estas tre malsimila al tiu nomata "Taliona" Leĝo, de antikva origino kiu konsistis en la apliko al la krimulo, kiel persona venĝemo, de la ofendito aŭ de sia familio, la saman ofendon kaŭzita al la viktimo.Ĝi havis religian originon. Tiel ni povas trovi ĝin en unu el la libroj de la biblio: Eliro XXI, 23-25 kiu diras la jenon: "oni pagos vivon pro vivo, okulon pro okulo, denton pro dento, manon pro mano, piedon pro piedo brulvundon pro brulvundo. Tiu estas la principo: "Kiu per fero vundas,per fero estos vundita.

Sed novajn lumojn alportis al la juro, la fondintoj de la Pozitiva Skolo: Lombroso, Ferri kaj Garófalo kiuj samtempe estis la pioniroj de la "Krimologio" kiel eksperimenta Scienco kaj estis de tiam, ke la kriminalistoj komencis dediĉi pli da atento al la krimulo ol al la krimo de li praktikata.

Lombroso, fama itala kuracisto estas la kreinto de la teorio de la homo-deliktinto, tio estas, la denaska krimulo. Sub la vidpunkto de Lombroso, la denaska krimulo estas tiu individuo, kiu apartenas al familia deveno, malprogresinta en la evoluo rilata al sovaĝa agresemo tra la generacioj.

Enrico Ferri, opinias ke la homo estas produkto de la socia medio kie li vivas.

Rafael Garófalo, juĝisto kaj itala senatano kies verkoj estis samtempe juraj kaj kriminologiaj donis grandan paŝon pri la konaĵo de la antropologia atavismo, kie la krimo ne estas rigardata nur per ĝia graveco, sed ankaŭ per la danĝero kaŭzita de la krimulo.

Laú la "Psikanalitika" Skolo, la tri instancoj de la memo aŭ aspektoj de la homa personeco estas la "id", la "ego" kaj la "superego". Tiuj aspektoj de la konscienco estis profunde studataj ankaŭ, de la kreinto de la Psikanalizo, Sigmund Freud. Sed la Sociologio estas la Scienco, kiu studas la socion pri ĝia aspekto kultur-socia kaj konkludas ke maljusteco kaŭzita de la mizero kaj malsato estas sociaj faktoroj bazaj kaj decidaj por la pligrandigo de la krimeco, do la homo malkontenta kaj viktimo de maljusteco forgesas siajn moralajn devojn kaj ne kontrolante siajn emociojn, preskaŭ ĉiam direktiĝas al la ribelo kaj al la krimo.

La klasifiko de la krimuloj laŭ Enrico Ferri estas la jena:

1) - Frenezaj krimuloj
2) - Duon-frenezaj krimuloj
3) - Pasiaj krimuloj
4) - Kutimaj krimuloj
5) - Denaskaj krimuloj
6) - Kaj okazaj krimuloj.

La Brazila Kriminala Kodo sekvas aliajn jurajn tendencojn do konsideras ne respondeca, ĉiu individuo kiu estas tute nekapabla kompreni la kriman karakteron de la fakto, kaj agas laŭ tiu kompreno, sed punas severe la pasiajn krimojn.

La diferenco naskita de la pasia sento kaj tiu de la emocio estas ke, kvankam ambaŭ povas konduki al la krimo, la pasiaj deliktoj okazas ĝenerale sen antaŭdecido kaj ofte ĉe individuo, kies vivo ĝis tiam estis normala. Tamen, la emocio malsimilas de tiu, ĉar ĉi tiu estas konstanta tensio, daŭra obsedo, kies evoluo povas naski la malmoderecon kaj la individuo perdante la memkontrolon reagas brutale kaj praktikas la krimon.

Sed la kontribuo de Lombroso, Garófalo kaj Ferri al la "Kriminologio" estis tiel granda, ke oni povas diri, ke naskiĝis ĉi-kune la Pozitiva Skolo de la Kriminala Juro de kiu ili estis la pioniroj.

Osvaldo Pires de Holanda, advokato.

# Pluraj Vibroj

## Vibrações Plurais



**Poemoj de Dokito**
**Poemas de Dokito**

Tiel komenciĝis la 34-a BKE (19-24/07/98) en Salvador, per "Pluraj Vibroj" de Dokito (nia poeto, komputilisto, interretano, eks-ĉefdelegito) Manoel Borges dos Santos, kiu lanĉis sian "revitan" poemaron. Poste li Rubikone pritraktis la kongresan temon: "Tutmondiĝo, Interreto kaj Esperanto" (foto 1).



Foto 1

Kompreneble la sekva kontraŭstaro de G. Ledon per la prelego "Virtualeco nur fasado" iĝis ne plu vibroj sed tondroj, kiuj ne entute plaĉis al la ĉeestantaro. Feliĉe Adonis Saliba (foto 2 - el Paulínia) teknike realportis entuziasmon al la konvinkitaj retanoj por "VEKI" kaj venki!(foto 2)



Foto 2

La komputiloj per si mem, pruvis en la manoj de nia "organizanto-improvizando" Josenilton, kiu restas konstante kroĉita al tiu aparato, ke ili ne estas memsufiĉaj kaj mem ne informas, mem ne organizas kaj mem ne komunikas. El tio rezultis la konstatita malordo en la programado kaj plenumado, eĉ se Josenilton estas granda adepto de la totala kvalito! Kiom malfacile estas prepari bonan supon, diris David Bianchini en Paulínia pri tiu temo!(foto3)



Foto 3

Ne eblas paroli pri ĉiuj programeroj iel disĵetitaj pro la bedaŭrinde malmultaj partoprenantoj (eble 120 homoj). La kolokvo (ja granda vorto) pri tradukado sub la eminenta gvido de niaj ne malpli erudiciaj akademianoj Leopoldo Knoedt kaj Geraldo Mattos
(foto 4) ĉiam logas kelkajn pliajn gapantojn. Ne forgesu ke "nia" Geraldo Mattos estas prezidanto de la Akademio de Esperanto. Ĉu tiu fakto ne devus esti sufiĉa motivo por ke ni profitu de nia fiero kaj tiel "levu nian lingvan movadan nivelon"laŭ "kampanjo 2000" kiu korne hupas tiun neceson al ĉiuj azimutoj de Esperantio?



Foto 4

Nia filozofo Evaldo Pauli, same en Salvador kiel en Montpellier kun vibro, vervo kaj entuziasmo lanĉis sian grandiozan verkon: "Enciklopedio Simpozio" sub la atenta rigardo de Geraldo al la celita punkto fingre montrita (foto 5 - Montpellier).



Foto 5

Entute pleniĝis la ĉambro kiam la pilgrimanto el Germanio D. Meier prezentis sian konatan instruon pri Bruno Gröning. La vorto konata aplikiĝas ĉar en ĉiuj UK-oj oni povas ĉeesti tiujn mistikajn aferojn de granda plimulto akceptataj.



Foto 6

Grava por nia Ligo estis la kunveno de la Konsilantaro eĉ se ĝi malmulte federacie efikas. Plenglore Gloria Perine, el Paranao akceptis la prezidantecon, sukceson al ŝi (foto 6 - kun Josenilton).

Ne malpli grava, eĉ se la procedo fariĝis iel komplika, estis la demokrata elekto de la nova estraro. Nur unu kandidataro prezentiĝis kio faciligis la taskon kaj per kvazaŭa unuanimeco Osvaldo Pires de Holanda fariĝis la nova prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo. En vibra, preskaŭ vere kortuŝa (rigardu




Foto 7

- foto 7 - kiel lia mano aliras lian propran koron) improviza paroladeto, nedetenante sian fortan emocion, Osvaldo promesis duobligi la BEL-anaron ... ĝis la fino de la jaro. Feliĉe li ne precizigis pri kiu jaro temas, tio eventuale evitos taksadon kiel demagogion, ĉu ne? Ĉiamaniere ni pretas helpi vin, kara prezidanto, sed ni restos atentaj, kiel la skipo kiu kontrolis vian elekton. (foto 8).



Foto 8

Krom la turismumado kaj umada krokodileca zumado en la koridoroj de la kongresejoj, tio, kion la kongresanoj plej ŝatas, estas la tielnomataj "artaj" vesperoj. Ne nur zumadon sed verajn vibrojn venigis la lerte

improvizita koruso el homoj venintaj el pluraj ankaŭ ne proksimaj lokoj, kiuj efike trejniĝis por regali nin per bela kantado. Jen iniciato sekvinda. (foto 9).



Foto 9

La originalaj dancistoj de "Kapoejro" (tipaj bataldancoj de sklavoj) estis prezentataj sub la kompetenta akompano de Josenilton kaj familianoj. Aliflanke la gitaraj kordoj de kanzonisto, preskaŭ trobadoro, bardo aŭ menestrelo (moderna, kompreneble) José Tarcísio de Lima tute ne vibris sufiĉe longe! (foto 10)



Foto 10

Kaj venis la momento transdoni la torĉon (flagon, ĉu ne?) por la 35-a BKE en Campo Grande (05-10/07/99). Josenilton sur la foto 11 enmanigas la malplenan sakon (ĉu fakte malplena "paciencujo" kiel oni diras ĉe ni!) al Ataíde Diniz de Godói. Kaj atentu, G.R.Ledon, kiu ne estas el ledo, akceptis (en Bahia) esti ne Kokoso, sed K.K.R. reprezentanto, por la akompanado de la kongresoj. Bonvolu de ne kunporti kaj vibrigi viajn klabojn aŭ kolbojn por skoldado ĉar neniu kapablas okazigi miraklojn, krom José Pedro Milagres mem! (foto 12)



Foto 11



Foto 12

## *Iom el la 83-a UKE en Montpeliero*

Sufiĉe impona ĝi estis kun 3133 enskribiĝoj el ĉiuj partoj de la tera mondo, el Brazilo aperis proksimume 60 personoj enkalkulante kelkajn krokodilojn kaj esperanto-parolantojn. Por la inaŭguro la ĉefa amfiteatro ne estis sufiĉe ampleksa por ĉiuj sed dum la kongreso mem ĉio normaliĝis laŭ la regula statistiko ĉar du trionoj iris al siaj kutimaj dumtagaj, vesperaj ekskursoj k.s. , restis milo da homoj, kiuj laŭplaĉe povis gapi en la haloj kaj koridoroj.

En la senfinaj programeroj, ĉu klerigaj, ĉu tedaj, brutigaj aŭ mistikaj ktp. estis facile nombri la partoprenantojn, kies cifero variis de 15 al 300 maksimume. La kongresa temo: "Mediteraneo - ponto inter kulturoj" sub reĝisorado de Renato Corsetti kaj spite al ties streĉo, en la realo demonstris, ke tiu maro estas multe pli simila al fama Rubikono ol al ponto. Tio des pli valoris kiam oni aŭdis la prezentojn pri la malampleksa insulo Malto kun siaj famaj kavaliroj, kaj pri Israelo - Araboj kiam oni eĉ ne kapablas politike diri, kiu agresas kiun ĉe tiu diabla Mediteraneo! Kaj eblas aldoni, ke el tie fontis la sanktaj Biblioj kaj noblaj Koranoj kiuj infektis la tutan mondon, sed pri tio neniu parolis.

Ne kutima estis la "Strategia Forumo de la Esperanto-Komunumo" por ke ni finfine sciu tion KIO ni estas, ĉu asocio, ĉu movado, komunumo, civito... aŭ ĉio, tio samtempe!? La ĉefparolantoj estis la ĝistiama UEA prezidanto Lee Chong-Yeong kun la konata emocio, H. Tonkin laŭ la rutina retoriko kaj Y. Peyraut el SAT, Sennacieca Asocio Tutmonda kiu post 76 jaroj efektive ree pretas kunlabori kun UEA. La saĝa strategio akceptita de ĉiuj fakaj asocioj diras, ke ni agu preter la "diverĝoj" sed per ĉiuj "konverĝaj" punktoj al niaj komunaj celoj...

Ekskluzive, ok doktaj profesoraj doktoroj funkciigis la IKUn (Internacia Kongresa Universitato), cetere sen aparte elstaraj temoj. Tamen H. Tonkin malkovris ke Shakespeare (prononcu kamparane kiel vi legis: ŝekspir') estis interlingvisto kaj A. Wandel insistis preskaŭ ŝerce pri serĉado de vivo ekstertera.

La publika kunveno de la akademio sub gvido de Geraldo Mattos arigis ĉetable la duonon de la akademianaro kaj vere transdonis senton de reharmoniiĝo. Al la turmenta, ĉiama demando: Kion la akademio intencas fari pri la "ĉapelitaj" literoj ne uzeblaj en retoj, saĝe, sagace, prave "nia" Geraldo kaj aliaj respondis, ke Zamenhof mem solvis la problemon... krome la teknologio venigos la modernajn skribajn rimedojn, punkto, fino.

Mire elreviga ĉe kunveno de ISAE (asocio de sciencistoj) estis la prelego de eksakademiano A. Albault, kiu iel defendis "reformojn" kiel la ideoj de iuj "A, E, I, O, U"!



Foto 13

Multe pli plaĉa estis la bankedo, kompreneble laŭ franca maniero...pli ol kvar horoj ĉe la tablo. Feliĉe la vinoj fluis laŭplaĉe kaj neniu enuis aŭ suferis pro misdisgesto.

Tamen nia amiko Cleber M. Lemos (kun Regina sur foto 13) estis forgesinta la kravaton. Li kuris al vendejo... same faris lia najbaro hazarde sidanta apud li... ili aĉetis ekzakte la saman modelon... Ah! se ili estus Damoj!



Foto 14

Dum la bankedoj la diskursoj vibras alimaniere, malpli longe. Lee (foto 14) rapide, kline kaj eksidiĝe adiaŭis sub aplaŭdoj de ĝenerala direktoro de UEA, Osmo Buller kaj eksprezidanto G. Maertens. La nova prezidanto Kep Enderby, aŭstralia juristo, eksministro, vere simpatia homo, kvankam kun la manoj en la poŝo, iom pli formale esprimis sian kompaton al la ne esperantistoj. (foto 15).



Foto 15

Jen ĝusta strategio, kompati la stultajn homojn kiuj ne estas Esperanto-parolantoj, kaj vivigi nian diasporan popolon per altigo de nia kulturo.

La elekto de la nova estraro (ne speciale demokrata), laŭ kulisaj onidiroj ne okazis en plena glateco, kio estas normala afero ĉe la

homoj. La antaŭa 8-kapa estraro reduktiĝis al 6 membroj. Sur la foto 16, de maldekstre, Petro Chrdle el Ĉekio (faka kaj scienca agado, edukado), Michela Lipari el Italio (ĝenerala sekretario), Kep Enderby el Aŭstralio (prezidanto, eksteraj rilatoj), Renato Corsetti el Italio (landa agado, financoj). Kalle Kniivila el Svedio (informado) kaj Gbeglo Koffi el Togolando (agado en Afriko - kiel sendube "simbola elekto") ne ĉeestis la kongreson. Tiel estas nia "cirko" kiel balbute diris Lipari parolante pri la cirklo de nia movado!



Foto 16

Aparte interesa en Montpellier estis la ideo montri la vivon de Esperanto al la ekstera mondo. La reĝisoro pri artaj aranĝoj, Floréal Martorell konata en Eurokka (Esperanto-Rok-Asocio) sukcesis, en apud-kongresa kiosko ĉe tre frekventata aleo, ĉiu vespere meti siajn muzikistojn, kiuj kantis en Esperanto kaj foje en okcitana lingvo, kaj jes la tuto vibregis. Imitinde.

***Pliaj vibroj*** - Ili okazis en Paulínia, SP dum la 20-a Esperanto-Renkontiĝo de Ŝtato San-Paŭlo. Oni celis pritrakti la temon: Lingvaj Problemoj en Industrio kaj Rilato al Esperanto. Jen malfacila temo, kun multaj ĝenoj. Sed pli ol vibre Adelson Alves Sobrinho (foto 17) montris kiel eviti kelkajn malfacilaĵojn, ĝenojn (percalços!) en la uzo de nia lingvo. Li devus tion fari en iu nacia lingvo, sed ĉar ne ĉeestis fremdlingvanoj ni uzis la lingvon de nia komunumo t.e. Esperanto, kaj ĉiuj krokodiloj estis zorge ĉasitaj.



Foto 17




Foto 18

Ne malpli grava vibro estis la reveno de Amarílio kun siaj famaj ĉemizoj... eĉ porpacecaj. Tiel, preter la homaj intrigoj, temperamentaj mankoj, agresemoj k.s. propraj al la homoj, ĉu du malnovaj kaj maljunaj batalantoj kiel A. Carvalho kaj G. Ledon kapablus ĝuste daŭre elmontri tiajn mankojn, kverelojn, kontraŭaj al siaj idealoj mem? Evidente ne. (foto 18).

G. Ledon



*"LIBROJ DE AKEIO"*

Asocio Kooperativo-Esperantista - AKE (Caixa Postal 100.041 - Niterói, RJ, BRAZILO - BR - 24001-970), plenumante siajn statutajn celojn, disvolvas, krom aliaj agadoj, la Kampanjon "LIBROJ DE AKEIO". Tiu Kampanjo celas la instigon de donacoj de libroj, precipe de tiuj en kaj pri Esperanto kaj pri Kooperativismo, al ŝtataj kaj komunumaj bibliotekoj.

AKE klarigas, ke oni ankoraŭ ne trovas en la vortaroj la vorton "AKEIO" (portugallingve "AQUEUPIA"), de ĝi uzita por nomigi tiun Kampanjon, ĉar estis necese krei tiun vorton kiel antonimo por "UTOPIO". Do "AKEIO" signifas, unuasence, "EFEKTIVIGEBLA IDEALO"!

Tiu neologismo, en Esperanto, enhavas ne nur la siglon "AKE", de la Asocio, sed ankaŭ omaĝon al la "AKEOJ", de la Antikva Grekio, kies karakteriza idealo - la Demokratio - montriĝis kiel vera "efektivigebla idealo", supervivante kaj perfektiĝante, dum dekoj da jarcentoj, ĝis hodiaŭ.

La sideja adreso de AKE estas la sama de Niterói Esperanto-Klubo - NITEK (Rua Coronel Gomes Machado, 38/402 - Centro - Niterói, RJ, BRAZILO - BR - 24020-060).

AKE antecipe dankas pro via partopreno en la Konstruado de pli bona mondo, pere de la partopreno en la Kampanjo "LIBROJ DE AKEIO"!

A. Lopes

## Peto de Frato B. Goerner

Lastatempe mi tradukis libreton de germanlingva svisa verkisto. Jam ĉirkaŭ 1930, kiam mi ankoraŭ estis lernanto, mi planis esperantigi ĝin. En la kvindekaj jaroj mi tradukis parton, kiu forbrulis kun miaj vestoj kaj ŝuoj kaj ĉiuj havaĵoj dum incendio en Porto União. Sed mi neniam forlasis la ideon sed mi ja ne scias kiom da tempo mi ankoraŭ havas, ĉar jarfine, en novembro, mi kompletigos la 88 an vivjaron.

Pro tio, tiom por plenumi mian deziron kiel por senrustigi mian lingvokonon, mi post monatoj finis la taskon. Nun mi estus feliĉa, se iu bonulo korektus la laboron. Ĉu vi konas tian personon? (kontaktu la redaktejon)

**Revizi-koboldo:** en la lasta numero de Brazila Esperantisto, nº 303 paĝo 6 aperis mia mallonga artikolo "Pri la Facileco de nia lingvo". Bedaŭrinde oni fuŝis la tekston: cetere, ŝvitas kiam li rekomencas premi lernejan benkon fariĝis:" evitas kiam li rekomendas" (sensencaĵo!!) Kaj: pli facile lernebla por okcidentano " nun diras ekzakte la malon: pli facile lernebla por ano de alia lingvo-familio!!

NDLR= Pardonon, kara frato ... ni provos esti pli zorgemaj kaj forpeli la koboldojn !

### AKADEMIO DE ESPERANTO

**Prof. GERALDO MATTOS estis elektita Prezidanto de la Akademio de Esperanto per larĝa plimulto. La celoj kaj taskoj estas: 1) Konservi kaj protekti la lingvon E-o laŭ ĝia Fundamento kaj kontroli ĝian evoluon; 2) esplori ĉiajn lingvajn demandojn, kiuj koncernas E-on; 3) kritiki verkojn el lingva vidpunkto; 4) defendi E-on kontraŭ iaj konkurencoj.**

## Valencio

En la Fakultado pri Filologio de la Universitato de Valencia (Hispanio), okazis kun granda sukceso kurso de E-o por universitatanoj. Fakte ĝi estas la unua kurso okazinta en Hispanio kun vera oficiala akademia valoro. Ĉiu partoprenintо ricevis atestilon, kiu samtempe valoras du akademiajn kreditojn. La nuna universitata sistemo de Hispanio postulas ke ĉiu studento, devas nepre akiri krom la kreditoj ligitaj al la devigaj normalaj studobjektoj, aliajn 15 kreditojn akireblajn el diversaj proponitaj kursoj. Ĉi jare unu el tiuj kursoj rilatis al Esperanto.

## ENCIKLOPEDIO SIMPOZIO

(Originala versio en Esperanto)

Interreta servo:
Federacia Universitato de Santa Catarina - UFSC.
Centro de Filozofio kaj de Humanaj Sciencoj.
Http://www.cfh.ufsc.br/~simpozio

Literatura propraĵo:
Kultura Fondaĵo Simpozio
Rua Huberto Rohden, 274.
Br-88064-000 Florianópolis, SC. Brasil.

Ĉefa redaktoro:
Evaldo Pauli.
Professor de UFSC,
Prezidanto de Kultura Fondaĵo Simpozio.

Florianópolis, SC. Brazilo.

## ENCIKLOPEDIO SIMPOZIO.

ENKONDUKA PREZENTADO.
0 - UNIVERSALA ENCIKLOPEDIO:
1 - ENCIKLOPEDIO PRI FILOZOFIO.
2 - ENCIKLOPEDIO PRI HISTORIO DE LA FILOZOFIO.
3 - ĝis 8: Aliaj specifaj enciklopediaj unuoj enprogramitaj.
9 - REGIONAJ ENCIKLOPEDIOJ:
- Enciklopedio pri Santa Catarina.



ĈEFA DOMO DE KULTURA FONDAĴO SIMPOZIO
EN FLORIANÓPOLIS - SC - BRAZILO



Enciklopedio Simpozio
Originale en Internacia Lingvo ESPERANTO, kaj en nacilingvaj versioj.

INVITAS VIN:

Kultura
Fondaĵo
Simpozio

http://www.cfh.ufsc.br/~simpozio

Evaldo Pauli

Rua dos Surfistas-144 - BR 88063-000
Florianópolis-SC Brasil.

# MOVADO

AMARÍLIO

KOMUNIKAS




Zamenhof-Piedestalo en la Parko de Varmaj Akvoj de Barra do Garças, inaŭgurita en la 22-a de aprilo 1995, okaze de la solenaĵoj omaĝe al Tutmonda Tago de la Tero.

Nia S-ano Ciro Gomes de Freitas lerte ellaboris skizon por ke la piedestalo fariĝu monumento, en la sama parko. Nu... por pli forte entuziasmigi nian urbestron (kuracisto), bv leterumi aŭ sendi PK-on al li:

Dr. Wanderley Farias
Prefeitura Municipal
BR-78600-000 BARRA DO GARÇAS, MT



TURO DE BABELO EN LA SPACO

En la televida programo "Jornal do SBT" en iu tago de aprilo aperis la jena informo: TURO DE BABELO EN LA SPACO. La usona astronaŭto en stacio MIR en intervjuo al televida kanalo CBS diris ke estas malfacile komunikiĝi. La problemo spaca stacidomo rusa fariĝis turo de babelo en la spaco. Ekde kiam la malvarma milito ĉesis, Rusio estis senmona, kaj usonaj astronaŭtoj estis invititaj pasigi kelkajn monatojn en la stacidomo. Sed la baza problemo ne estis solvita: En kiu lingvo paroli? Andrew Thomas diris al televida kanalo CBS ke li jam havis multajn komunikajn problemojn kun la rusaj astronaŭtoj. La problemo estis solvita pere de kurioza maniero: la usonanoj parolas ruse kaj la rusoj respondas en la angla! (Kompilis João Manoel Aguilera Jr).

klubo@supernte.com.br

16-a DATREVENO FONDIĜA

Gaŭĉa Esperanto-Asocio festas ĉi-jare la 16-an datrevenon. Nova sidejo estis inaŭgurita ekde junio/97 ĉe strato Andrados, 1251-10-a en Porto Alegre kun senpaga lupreno. Biblioteko Ary Zamora apartenas al GEA.

# DEZIRAS KORESPONDI

CLAVIUS VINICIUS NEVES MIRANDA, 27-jara junulo, studento. Adreso: Av. Augusto de Lima, 196-Apto. 301, Centro. Belo Horizonte, MG. BR-30190-001. Deziras korespondi kun virino iom ajn aĝa de iu ajn lando, pri diversaj temoj.

GUARACY TABAJARA MATTOS, 37-jara, deziras korespondi tutmonde. Kolektas poŝtmarkojn, mineralaĵojn. Adreso: Rua 7 de Setembro, 803. Lençóis Paulista, SP. BR-18682-510.

INTERLERNEJA INTERNACIA KORESPONDADO EN ESPERANTO, SERĈATA DE GEINSTRUISTOJ: (Daŭrigo)

POLLANDO: Esperanto-Klubo p/a Inka Weksler, P.K. 15. PL 58-400 Kamienna Góva, Pollando. (junulklubo)

POLLANDO: ZHP Esperanto-Rondo, Szkola Podstawowa, NR 34. Im. Z. Broniewskiego, 41-712 Ruda ŝlaska, ul. Bytomska l. Pollando. (Aĝo:11).

ĈEHIO: Zdenka Novotma, Na Stouze 1720. 56002 Ĉeska Trebová. Ĉehio. (Aĝo: 12-16).

USONO: Miĉjo Fernandez, Cummings E.S. APO AP 96319-4923. Usono. (Aĝo: 9-10).

USONO: Koresponda servo por usonaj lernejoj: p/a S-ro Guy Menahem, 2049 Larchmond Way, Cleartwater. FL-34624. Usono. (Aĝo: 6-18).

PLENIGILO POR ANONCONTO EN LA RUBRIKO "DEZIRAS KORESPONDI"

RIMARKO: NE ESTAS DEVIGA PLENIGI ĈIUJN SPACOJN.

| | | |
|---|---|---|
| INFORMOJ PRI LA ANONCONTO | NOMO: | |
| | SEKSO: | VIRA ☐ VIRINA ☐ |
| | AĜO: | |
| | PROFESIO: | |
| | HOBIO(J): | |
| | ADRESO: | |

| | | |
|---|---|---|
| DEZIRATAJ KARAKTERIZAĴOJ PRI LA KORESPONDONTO | PARTO AŬ MONDA REGIONO EN KIU LA KORESPONDONTO LOĜAS: | |
| | SEKSO: | VIRA ☐ VIRINA ☐ |
| | AĜO: | |
| | TEMO(J): | |
| | ALIA(J) DEZIRINDAĴO(J): | |

POST LA PLENIGADO DE ĈI TIU FOLIO, BV. SENDI ĜIN AL:

BRAZILA ESPERANTISTO

# BEL - INFORMAS

Kunsido de BEL-Estraro

Post la 34ª Brazila Esperanto-Kongreso okazinta en Salvador, la nova prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo restis dum unu semajno en Brasília kie la 29an de julio li okazigis kunsidon kaj lanĉis Kampanjo por la plimultigo de nia anaro, pri kio li reliefigis, ke ĝia sukceso dependos de la helpo de ĉiuj ni.

La Kampanjo en Goiânia

De Brasília Osvaldo Pires de Holanda vojaĝis al Goiânia kie li prelegis la 4an kaj 5an de Aŭgusto ĉe Instituto Goiano de Esperanto. Ĉeestis la prelegojn ankaŭ estraranoj de Kultura Esperanto Centro.

La anoj de ambaŭ Esperanto-Asocioj krom prezenti valorajn sugestojn promesis kunlabori por ke ni atingu nian celon.

Kiu gajnos Esperantan Pokalon?

Gajnos ĝin kiu sukcesos arigi la plej grandan nombron de novaj anoj por nia movado. La periodo dum kiu la gajninto restos kun la pokalo estas inter unu kaj alia Brazila Kongreso de Esperanto, kiam ĝi estos liverita al la nova gajnanto. Krom la pokalo li gajnos ankaŭ diplomon de La Plej Elstara Kunlaboranto de la Jaro.

Ĉu nur la unua klasifiko gajnas premion?

Ne, la dua ricevos medalon kaj diplomon de Dua Elstara Kunlaboranto de la Jaro. Kaj ĉiuj kiuj sukcesos enskribi tridek novajn anojn de iu ajn tipo aŭ kategorio, ricevos diplomon de Elstara Kunlaboranto.

Korespondado.

Konsiderante ke la sukceso de nia Kampanjo dependas de la klopodo de ĉiuj ni, Holanda komencis skribi al la esperantistoj individue kaj nur dum la Aŭgusta monato li sendis kvindek leterojn.

BEL Estanta en Paulinia.

Dum la 20ª Brazila Renkontiĝo de Esperanto de la Ŝtato São Paulo, okazinta en Paulinia de la 5a ĝis la 7a de Septembro, Holanda kaptis la okazon por propagandi pri nia Kampanjo. Tie li ricevis apogon de pluraj elstaraj Samideanoj.

Informoj de la prezidanto de BEL

# EVENTOJ

**ESPERANTISTOJ PARADIS EN TAGUATINGA**

La urbo Taguatinga, Brasília DF, festis sian 40-an datrevenon la 5-an de junio kaj la esperanta movado de la urbo estis reprezentata en la defilo de la 7-a de junio pere de esperantistoj sub la gvido de Taguatinga E-Klubo.



**33-a E-Renkontiĝo de Sudparaiba Valo**

20/09/98 en urbo Lorena, SP. Lorena E-Klubo. Tel.(012) 552-5145

**AGO-TAGO**

Esperanto-Grupo Verda Lumo festos la 5-an datrevenon (Fondita je la 07-a/09/93) dum AGO-TAGO, la 03-an/10/98 kune E-Grupoj de urbo San-Paŭlo. Adreso: Rua Alfredo Pujol, 77-Santana, 02017-010 S.Paulo, SP.

**III-a Renkontiĝo de Esperantistoj de Paraíba**

10-11/10/98 en João Pessoa, organize de João Pessoa Esperanto-Klubo, Caixa Postal 293. 58010-970 JOÃO PESSOA, PB.

**V-a Renkontiĝo de Granda Rio**

11/10/98 en Petrópolis, RJ ĉe "Centro de Cultura Tristão de Athayde" (Praça Visconde de Mauá, 3051). Temo: "Kiel trafe informi pri Esperanto". Informoj: AERĴ, Rua Senador Dantas, 117-Sala 1341, RIO DE JANEIRO, RJ 20031-201./




**15-a ENBRA**

Kun la temo "Brazilo survoje al nova jarmilo" la Brazila Poŝta kaj Telegrafa Entrepreno de Ŝtatoj Goiás kaj Tocantins lanĉis specialan stampilon por festi la 15-an Brazilan Renkontiĝon pri Administrado, la 16-an kaj 18-an/09/98 en la Kultura kaj kongresa Centro de Goiânia. La esperantista filatelia Klubo CECOF kaj la Kultura Esperanta Centro KEC okazigis dum la evento ekspozicion pri Filatelio kaj Esperanto.

# EVENTOJ INTERNACIE

**10-a VINA SEMINARIO**
01-04/10/98 en Lechovice, Ĉehio. Aliĝoj: Jana Burianova, Reneska 35 CZ-63900 BRNO, Ĉehio.

**52-a Argentina KONGRESO DE ESPERANTO**
09-12/10/98 Saenspenja E-Klubo, Calles 119 y 122. AR-3700 Pcia. R. Sáenz Peña, Chaco, Argentina. Temo: "Ni levu la nivelon de nia E-Agado".

**TEJO-SEMINARIO**
En Budapest, Hungario, inter la 11-a kaj 18-a de oktobro, 1998. Temo: "Lingvaj rajtoj-lingvopolitiko". Lariko Golden, Damjanich u. 1/C.1.8, HU-8200 Veszprém, Hungario.

**10-a E-ĥorstaĝ'**
De la 15-a/10 ĝis 01/11/98 staĝo realigota de loka E-Asocio por PIRENEA E-ĤORO helpe de Gastejo "La Freychère" kaj korusoj lokaj. FREYCHEDE-Montferrier F-09300 LAVELANET.

**8-A NACIA RENKONTIĜO DE VEA**
La 21-an kaj 22-an/11/98 en Caracas. Informoj ĉe Venezuela Esperanto-Asocio, Apartado 47675, Caracas, 1041-A Venezuela.

**2-a KULTURA E-FESTIVALO**
20-22/11/98, en Santiago de Cuba. Slogano: "Frateco, Paco, Amikeco". Kuba Esperanto-Asocio, pk 5120 Havano.

**OSIEK**
Organiza Societo de internaciaj Esperanto-Konferencoj, estas kultura societo, fondita en 1988: ĝi ĵus festis sian dekjariĝon. Tiuokaze ĝi aĉetis por si nomon en TutTera Teksaĵo:http://osiek.org.
OSIEK-Premio 1998 al Claude Piron por *La bona lingvo* (atribuita per demokrata voĉdonado vendredon 24-an de julio, 98 en Trieste).

**AMERIKA AGADO**
Kunvenis ĵaŭdon, la 6-an/8/98, 83-a UK, de la 9-a ĝis la 10.30-a prezide de James R. Piton, Komisionano por BR, Komisiito A.O.Rojas kaj Komisionanoj/Reprezentantoj de CL, CU, US, CR, VE, CO, kiuj raportis pri tieaj agadoj. Estis disdonita la faldfolio "Norda, Meza, Suda kaj...Esperanto-Ameriko!" kun informoj pri E-agado en la amerika kontinento.

**ESPERANTO EN LA TELEFONLIBRO**
Esperanto ekzistas por ke oni uzu ĝin en la praktiko! Ĝuste tion ekzemplas la ĵusaperinta nova telefonlibro en Budapest, HU kie sur la paĝo 15, inter fremdlingvaj ĝeneralaj informoj aperas ankaŭ la tutkolumna esperantlingva teksto (krom la angla, germana, franca, itala kaj rusa). La apero de E-lingvaj informoj estas grava ne nur pro la fakta utilo, sed ankaŭ pro ĝia modela valoro, eks. "Kie oni uzas Esperanton? En fervojaj horaroj en 9 landoj, kaj en la budapeŝta telefonlibro". Por esprimi la internacian atenton al la uzo de la Internacia Lingvo estus utile sendi dankesprimojn al la eldonejo: Magyar Telefonkonyvkiadó Kft, Merkatika Direktoro, Baross u. 89, HU-2040 Budaors, Hungario.

**SCIENCA PREMIO DE FAME**
FAME-Fondaĵo por stimulado de internaciaj kompreniloj por unua fojo distingis fakulojn per sia nova scienca premio kun sumo de 3000 germanaj markoj. Ricevis la premion E-Societo Ĉikago kaj la grupo de sciencistoj, kiu ellaboris la verkon "Ĝenerala, Organika kaj Biologia Kemio". La transdono de la premio okazis dum la UK en Montpellier.

**KARATEO**
En la urbo Neŭkeno, AR ekzistas homo kiu posedas batal-/lukt-/lernejon (t.e. karateo) kaj deziras kontakti homojn tra la mondo kiuj havu la saman ŝatokupon, do, li petas informojn pri esperantistoj kiuj havas saman intereson pri karateo. Por eventualaj informoj bv. kontakti:
Gerardo Cantore, Villegas 815. 8300 Neuquen, A.R. Oni povas skribi hispane, angle aŭ esperante.

**STRATO-INAŬGURO**
La 17-an/10/98 en vilaĝo Montbel (inter Carcassonne&Andorra) apud Montsegur estos inaŭgurata strato nomota "RUE de l"ESPERANTO" (strato de Esperanto). Bv. sendi gratulmesaĝojn propralingve kaj E-lingve al: E-Instruistino CLAUDE FRESSONNET, Canterate, FR-09600 MONTBEL kaj/aŭ al M. le MAIRE, Hôtel de Ville, FR-09600 MONTBEL.

**WILLIAM AULD POR NOBELPREMIO**
Laŭ la iniciato de verkisto Manuel de Seabra tri Esperantaj instancoj (Esperantlingva Verkista Asocio, Esperanta PEN Centro kaj Internacia Esperanto Muzeo el Vieno) kune kandidatigas William Auld por la literatura Nobel-premio pro sia verkado en Esperanto. En la jarkunveno de EVA en Montpeliero estis akceptita vortumo de la letero al la Komitato por la Nobel-premio pri Literaturo, kiu iros al Svedio dulingve, en Esperanto kaj la sveda. EVA preparas dokumentojn pri William Auld kun impona bibliografia listo, kiu prezentos lian poezian, esean, tradukan verkadon. Kiaj estas la ŝancoj, por ke verkisto, kiu verkas en Esperanto, gajnu la Nobel-premion pri Esperanto? Verŝajne necesos persisti dum pluraj jaroj por konsciigi la decidajn svedajn instancojn konsideri verkadon en Esperanto. La unuaj paŝoj sur la longa vojo estas faritaj...(Spomenka Ŝtimec).

**MINI-MUNKENO**
La Esperanto-Klubo de Munkeno en kunlaboro kun E-Junularo partoprenis la plej malnovan infanurbo-projekton en Germanio. Tiu infanurbo okazas en ĉiu dua jaro (dum la lastaj jaroj en la Olimpika Parko de Munkeno), kaj partoprenas ĝin kutime 16-20.000 infanoj. La infanoj en akompano de pedagogoj mastras la urbon. Ekzemple la urbestro estas 16-jara knabino, kaj oni povas fariĝi burĝano de Mini-München post 4 horoj da laboro kaj kvar horoj da studado. La nomo de la altlernejo de Mini-München estas Comenius-Universitato. Fritz Hilpert jam antaŭ 4 jaroj komencis oferti kadre de altlernejo Esperanto-lingvokursojn. Ĉi-jare la preparoj estis pli ampleksaj kaj pli frue komencitaj. La enigo de la E-Kursoj en la oficialan programon estis ekorganizita jam meze de 1997, tiel sur ĉiuj afiŝoj en la tuta urbo aperis lia nomo kiel subtenanto. Mini-München daŭris ĉi-jare de la 30-a de julio ĝis la 22-a de aŭgusto de 1998, kaj la kursoj staris en la oficiala programo. Mini-München estis ĉi-jare pli sukcesa ol antaŭe. Ne nur por la Esperanto-klubo, kiu investis pli malpli 3.000 markojn al la afero. Ĝis la fino la urbon vizitis 35.000 infanoj. Estis disdonitaj pli ol 10.000 pasportoj. Al la E-kursoj kaj prelegoj venis pli ol 400 infanoj. Laŭ niaj reguloj 51 "doktoriĝis" kaj 13 "profesoriĝis" (rajtis mem gvidi lingvokurson). Pri la afero raportis la MiMu-televido, Radio Maroni (infanradiostacio), la loka gazetaro (MW 50.000 legantoj!)

# KONSILANTARO

La 22-an/07/98 ĉe la Fakultato de Turismo de Bahia, la 16,15 h, dum la 34-a Brazila Kongreso de Esperanto, en Salvador kunvenis la BEL-FEDERACIA KONSILANTARO. Altabliĝis S-ino Symilde Schenk Ledon, BEL-Prezidanto, K-lo. Fernando José Galvão Marinho reprezente de la FK-Vic-Prezidanto D-ro. Aloísio Sartorato kaj sekretarie S-ro José Carlos Dorini Ramos. Ĉeestis jenaj konsilantoj: D-ro Wandemberg Ribeiro Morais, prezidanto de Ceara Esperanto-Asocio, S-ro Atayde Diniz de Godoi, reprezentanto de la prezidantino de Societo Esperanto de Matto Grosso do Sul, S-ro José Siquara da Rocha, Prezidanto de Bahia Esperanto-Asocio, F-ino Gloria Lucia Perine, Prezidantino de Paranaa Esperanto-Asocio, K-lo. Fernando José Galvão Marinho, reprezentanto de la prezidanto de Asocio Esperantista de Rio de Janeiro, Prof. Evaldo Pauli, prezidanto de Esperanto-Asocio de Santa Catarina, S-ro Ivon Barbosa prezidanto de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, S-ro Sérgio Neri da Mata, reprezentanto de la prezidanto de Esperanto Asocio de Brazilja, S-ro Jason Gonçalves de Lima, reprezentanto de la prezidanto de Pernambuka Esperanto-Asocio, F-ino Maria Hilarina Aires Nunes, reprezentanto de la prezidando de João Pessoa Esperanto-Klubo. Post lego kaj aprobo de la antaŭa kunsido estis proponata la nomumo de FK-Prezidanto por 1998-1999, ĝis la efektivigo de la 35-a BKE en Campo Grande, MS. Elektiĝis prezidanto F-ino Gloria Lucia Perine kaj Vic-Prezidanto D-ro Wandemberg Ribeiro Morais. Sekve estis legata BEL-Raporto 1997 de BEL-Prezidantino S-ino Symilde Schenk Ledon kun specifaj detaligoj fare de BEL-Vic-Prezidanto S-ro Francisco Mattos de Oliveira pri la pligrandigo kaj plibonigo de BEL-CO, kion ebligis anonima bonfaranto. S-ino Catarina Falcomer de Oliveira, bilanca teknikisto legis kaj komentis la koncernajn dokumentojn rilate al jaro 1997. Estiĝis pluraj demandoj kiuj estis konforme klarigitaj. Aldone, la sekretario s-ro José Carlos Dorini Ramos prezentis Komentojn pri kategorioj kaj tipoj de membroj de BEL kaj respektivaj jaraj valoroj. Poste li prezentis proponon por inkludo de du novaj tipoj de membroj en la kategorion de individuaj membroj, nome: nova membro, kaj stipendia membro, per apartaj kotizoj kaj rajtoj; estis ankaŭ difinita la kotizo por asocia membro. La indikoj por Komitatano "A" kaj Ĉefdelegito de S-ino Symilde Schenk Ledon estis aprobitaj, kiel ankaŭ tiu de S-ro James Rezende Piton por reprezentado de Amerika Agado, anstataŭe al ŝi. Prof. Evaldo Pauli petis la partoprenon aktivan en la komunikado "Virtuala Esperanto-Klubo Internacia VEKI, kies kreinto estas Adonis Marcelo Saliba Silva, kiu proponis transdoni al BEL la rajtojn de la reto VEKI, disponebla por la teknika asisto, kion analizos la nova BEL-Estraro. La sesio finiĝis je la 18:00 h.

# INTERNACIE

**83-a UNIVERSALA KONGRESO**

KONGRESA TEMO: "Mediteraneo - Ponto inter Kulturoj.

KONGRESA REZOLUCIO: "La 83-a UK de E-o, kunveninta en Montpeliero, FR, de la 1-a ĝis la 8-a de aŭgusto 1998, kun 3.133 partoprenintoj el 62 landoj-salutante la 50-an datrevenon de la Deklaracio de Homaj Rajtoj, kies respekto estis kaj restas esenca kondiĉo de la laboro por Esperanto, debatinte pri la nuntempaj ideoj kaj laboroj de inter-registaraj kaj ne-registaraj organizaĵoj rilate edukadon al paco kaj al reciproka toleremo, kun aparta atento al mediteraneaj landoj,

-analizinte la kontribuadon de la Esperanto-komunumo, realan kaj potencialan, al tolerema, multkultura mondo,

- **Alvokas** al Unuiĝintaj Nacioj, al ties instancoj, kaj al ne registaraj organizaĵoj, ke ili donu pli grandan atenton kaj serĉu solvon pri la problemo de la lingva dimensio de Homaj Rajtoj. Tiu dimensio estas tro ofte preteratentata, kaj tiel la homa rajto plene kaj sendiskriminacie kompreni kaj esti komprenata je internacia nivelo ne povas realiĝi.

-al UNESCO ke, kadre de ĝia Linguapax-programo, ĝi konsideru instruadon de Esperanto por eksperimenti ĝian valoron en la interkultura edukado.

-al la landaj kaj fakaj organizaĵoj de la Esperanto-komunumo ke ili intensigu en ĉi tiu spirito kaj en la kadro de la Kampanjo 2000 siajn klopodojn por meti la internacian lingvon Esperanto kaj ĝiajn valorojn je la servo de la evoluo de la nuna mondo en paco kaj toleremo.

**NOVA ESTRARO DE UEA:**

Kep Enderby, Aŭstralio - Prezidanto, Kunordigo, Eksteraj Rilatoj. Renato Corsetti, Italio - Vic-Prezidanto, Kampanjo 2000, Landa Agado, Financoj. Michela Lipari, Italio - Ĝenerala Sekretario, Junularo. Petr Chrdle, Ĉeĥio faka kaj Scienca Agado, Instruado. Kalle Kniivilä, Svedio, Informado. Gbelo Koffi, Togolando - Afrika Agado, Kulturo.

LIBROSERVO DE UK: 10.000 libroj de 1.250 titoloj BR-Aliĝintoj: 79

**BELARTAJ KONKURSOJ:** **Premio por BR**

Kanto: Honora Mencio - Flávio Fonseca pro "Rozkolora" kaj F.Fonseca kaj Valéria Fajardo pro "La esteco".

PREMIO POR LA PLEJ AKTIVAJ PERANTOJ

(Konkurso lanĉita de UEA rilate 1997): 1-a loko - BR (unua grupo).

DELEGITA RETO: Individuoj - 253 (unua loko) Delegitoj - 79 (tria loko). VD - 24 (unua loko). JD - 11 (unua loko). FD - 217 (unua loko)

# BEL

## BEL-ĜENERALA ASEMBLEO ORDINARA

La 23-an/07/98 ĉe la Fakultato de Turismo de Bahia, la 14.25 h, dum la 34-a Brazila Kongreso de Esperanto, en Salvador, kunvenis la membroj de BEL. Malfermis la sesion la BEL-Prezidantino, S-ino Symilde Schenk Ledon, kiu invitis por prezidi ĝin, D-ron Lício de Almeida Castro kaj S-ron José Carlos Dorini Ramos por ĝin sekretarii, aprobe de la ĉeestantaro. Laŭ la tagordo, 1-e estis legita la Protokolo de la lasta ĝenerala Asembleo, de julio-97/ Curitiba, PR (33-a BKE). 2-e prezentita la BEL-Financa Raporto 1997. 3-e establitaj la novaj membro-kotizoj por Nova Membro, Stipendia Membro; la kotizo por Asociaj Membroj kaj ties proceduro ĉiujara. 4-e nomumita reprezentanto por BKE-oj, S-ro Gilbert René Ledon asiste de S-ino Symilde Schenk Ledon. 5-e enpostenigo de Prezidanto de Federacia Konsilantaro, F-ino Gloria Lucia Perine kaj por Vic-Prezidanto S-ro Wandemberg Ribeiro Morais. 6-e elekto de nova estraro por la periodo julio/ 1998-julio/2001, sub kunordigado de Fernando José Galvão Marinho, Wandemberg Ribeiro Morais kaj Gloria Lucia Perine. Laŭ la nura propono elmontrita, post la prezentiĝo de la kandidato al BEL-Prezidanto, D-ro Osvaldo Pires de Holanda, la rezulto voĉdona estis 55 favoraj voĉdonoj, kaj 04 sindetenaj voĉ donoj, entue 59 voĉ donantoj. Tiel, estis oficiale enoficigitaj: Prezidanto Osvaldo Pires de Holanda, Vic-Prezidanto José Carlos Dorini Ramos, 1-a Sekretario Carlos Maria, 2-a Sekretario Aymoré Vaz Pinto, 3-a Sekretario Adirson Messias Lima, 1-a Kasisto Maria das Graças Mundim dos Santos, 2-a Kasisto Octávio de Almeida Filho, Kontrola Konsilantaro Jorge Duarte de Oliveira Filho, Sérgio Néri da Mata, Waldir Antonio Silvestre, Anstataŭantoj Maria das Dores Góes, Judith Maria Ferreira Barata, Omar Vieira Cortes.

## 20-a E-RENKONTIĜO DE ŜTATO SP

De la 05-a ĝis 07-a/09/98, aŭspicie de EASP kaj realige de KCE de Campinas, okazis en Paulínia, SP la 20-a ERŜSP ĉe "Escola Estadual de 1° e 2° graus Gal. Porphyrio da Paz" kun diversaj eroj kiel Enkonduka Kurso de Esperanto (A. Zimmermann), prelegoj pri "Kio estas Bejo"kaj "Vojaĝi senpage" (C.Eduardo de Oliveira), "Elementoj de Grafikarango" (C. Zaina), "Kurso pri Lernigado de Esperanto" (A. Alves), "Ludoj por Komencantoj" (N.P. Mendes), "Kvalito-Paradigmo de la nuntempo" (D. Bianchini), "Medicino: Alopatio aŭ homeopatio?" (P.S. Viana), "VINKE-VEKI" (A. Saliba),
"Optiko de la ombroj ĝis holografio" kaj "Esperanto en la elektronikaj medioj"(JJ. Lunazzi), debato "Fondo de Nova Ŝtata Organizaĵo (Ivon Barbosa). La solena inaŭguro kaj Fermo renkontiĝa okazis ĉe la Municipejo de Paulínia; ĉi lasta ceremonio brile prezentita de Amarílio H. Carvalho, kun video-bendo "Esperanto-Komunikado kaj Kulturo, skeĉoj kaj kantoj. La ĉeftemo estis "Lingvaj Problemoj en Industrio kaj Rilato al Esperanto"kun prelegantoj D. Bianchini, en la portugala kaj G. Ledon, en Esperanto. Signifa libroservo de EASP prezentiĝis per 90 titoloj. Estis tie lanĉita la libro "Vojoj de la Saĝeco" de Ubiratan Rosa, tradukita de Osvaldo Pires de Holanda. Aliĝis 70 personoj el 19 urboj kaj 6 ŝtatoj.

# KURSOJ

## PINARBARA ESPERANTO-GRUPO

Rua Cel. Joaquim Vergueiro, 93. Espírito Santo do Pinhal, SP 13990-000. Tel.:(019) 651-2182.
Antonio Luís Lourenço dos Santos, kunordiganto kaj instruisto de baza kurso, ĉiusabate, kun 20 gelernantoj, restarigis kaj revigligis la E-movadon en la urbo, kie en 1988 li gvidis bazan kurson kun entuziasmo disvastigas Esperanton enurben. Por stimuli la kursanojn antaŭdankas sendon de E-informiloj kaj prospektoj.

## EGABEM-ESPERANTO-GRUPO A.B. DE MENEZES

Du konversaciaj kursoj: vendredoj je la 20-a horo instrruistino Aparecida F. Ribeiro) kaj sabatoj la 18-a horo (instruisto Eduardo Magera); unu baza (instruistino Isis C. Okabe), sabatoj je la 16-a horo. Adreso: Rua Omachá, 182-Penha. São Paulo, SP 03610-020.

## ESPERANTO-GRUPO VERDA LUMO

Baza kurso de Esperanto (instruisto A. A. de Oliveira) kaj konversacia kurso (instruisto José de Souza Almeida) ĉe EGVL, Rua Alfredo Pujol, 77-Santana. São Paulo, SP 02017-010.

## PIRITUBA ESPERANTO-GRUPO

Ĉi-jare: Baza kurso de Esperanto (intruisto Luís Henrique R. de Araújo). Informoj: Rua Alexis Carrel, 123-Vila Edite. São Paulo, SP 02937-020.

## CE "A CAMINHO DA LUZ"

Ekde majo/1988 estiĝis la Departemento de Esperanto, kunordige de Arnaldo A. de Oliveira. Disponeblas baza kaj konversaciaj kursoj sub lia gvido. Rua Bento Quirino, 100-Vila Talarico. 03534-010 São Paulo, SP.

**MONDA JAMBOREO (Tutmonda Tendaro) Okazos en Ĉilio,** fine de decembro 98. Temas pri moderna Babelturo, en la sub-kampo de Skolta Esperantista Ligo, kie skoltoj el la plej diversaj landoj havas komunan lingvon. La brazilaj kaj ĉiliaj E-Asocioj devus kontakti la skoltajn regionojn kaj grupojn, oferante E-kursojn en la dua semestro specifajn por skoltoj (estas bonega lernolibro "Ĵamborea Lingvo"). Dezirindas ke estu sendataj leteroj tiucele al União dos Escoteiros do Brasil, SCES, Tr.3 Lt.3 Brasília, DF 70200-000. (Tel.: 061-224-3415). (R.Resende)

INTERNACIE

## APLIKOJ DE ESPERANTO EN SCIENCO KAJ TEKNIKO

En novembro, de la 13-a ĝis la 15-a okazos en Prago la kolokvo Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko sub aŭspicioj de UEA kaj ISAE. Ĝin aranĝas Ĉeĥa Esperanto-Asocio kaj organize garantias kaj finance subtenas la Kongresa kaj kleriga entrepreno KAVA PECH, kiu ankaŭ eldonos en alta poligrafia kvalito la prelegkolekton; la kontribuaĵoj estos skribitaj en Esperanto, tamen kun resumoj en la gepatra lingvo de la preleginto, la angla kaj la germana lingvoj. Tiuj resumoj celas al tio ke la verko povu servi ankaŭ reklamcele por montri la vivoeblon de Esperanto ankaŭ dum fakaj aranĝoj. Ĝis fine de aŭgusto, 98 estis aligitaj 15 prelegoj: "Iom da historio de AEST", "Pri aŭtoraj rajtoj internacie", "La krabo vivanta en arbo", "Simetriaj poliedroj cirkaŭ ni", "Pri la teoremo de Pick", "Prevento de sanecaj perturboj sevke de ĉeekrana laboro", "Aŭtentikeco kaj sekreteco en moderna komunikado", "Komputiloj, Interreto, Edukado, Esperanto", "Diĝita teknika E-Biblioteko", "Komputiligo de libroj: vojo al savo de nia libra kulturo", "La rolo de planlingvoj ĉe la evoluo de terminologi-sciencaj konceptoj de Eugen Wüster okaze de lia centjariĝo, "Natursciencaj terminoj en PIV (statistika sondo pri ties ĝusteco), "Brodoj", "Terminologia E-Centro: spertoj, problemoj, perspektivoj".

## BRAZILA ESPERANTO-LIGO

Caixa Postal 03625
BR-70084-970 - Brasília (DF)
Telefono (061) 226-1298 - Fakso (061) 226-4446



BRAZILA ESPERANTISTO



CAIXA POSTAL 269 - BR - 12460-000
CAMPOS DO JORDÃO/SP - Tel./Fakso - (012) 262-1983


### PROPRAĴA BILANCO en 31/12/1997

| | | | |
|---|---|---|---|
| ***AKTIVO*** | | | |
| CIRKULANTA | | | |
| Kaso | 1.370,20 | | |
| Bankoj kun moveblaĵoj kaj investaĵoj | 556.370,88 | | |
| Libroservo-sotoko | 103.023,00 | | |
| Ricevotaj duplikatoj | 17.578,79 | | |
| SUMO DE LA CIRKULANTA AKTIVO | | 678.342,87 | |
| PERMANENTA/NEMOVEBLA | | | |
| Nemoveblaĵo | 96.365,56 | | |
| Komputiloj, aŭd-vidaĵoj | 75.837,14 | | |
| Mebloj kaj utiligaĵoj | 7.561,19 | | |
| Biblioteko | 4.448,03 | | |
| SUMO DE LA PERMANENTA.NEMOVEBLA | | 184.212,52 | |
| TOTALO DE LA AKTIVO | | | 862.555,39 |
| *PASIVO* | | | |
| CIRKULANTA PASIVO | | | |
| Pagotaj kontoj | -5.009,09 | | |
| Diversaj kreditoroj | -114.541,11 | | |
| SUMO DE LA CIRKULANTA | | -119.550,20 | |
| LIKVIDA POSEDAĴO | | | |
| Socia Fonduso | -77.859,18 | | |
| Kromhavo/malprofito akumulita | -665.146,01 | | |
| SUMO DE LA POSEDAĴO | | -743.005,19 | |
| TOTALO DE LA PASIVO | | | 862.555,39 |



**Osvaldo Pires de Holanda**
Prezidanto de
Brazila Esperanto-Ligo

### DEMONSTRO DE REZULTOJ EN 31/12/1997

| | | |
|---|---|---|
| ***ENSPEZOJ*** | | |
| JARKOTIZOJ | -21.555,40 | |
| DONACOJ KIEL HAVAĴOJ | -3.400,00 | |
| DIVERSAJ DONACOJ | -661.311,89 | |
| FINANCAJ ENSPEZOJ | -38.559,71 | |
| LIBRO-SERVO | -66.181,06 | |
| PERKORESPONDAJ KURSOJ | -1.805,84 | -792.813,90 |
| ***CMV*** | | |
| DEKOMENCA | 7.881,26 | |
| AĈETOJ | 144.777,54 | |
| FINA STOKO | -103.023,00 | 49.635,80 |
| ***ELSPEZOJ*** | | |
| KOMUNUZADO | 6.440,00 | |
| PRESAJ, GRAFIKAJ SERVOJ | 13.360,00 | |
| LUNĈOJ KAJ MANĜOJ | 6.191,16 | |
| MATERIALO DE KONTORO | 5.730,57 | |
| IMPOSTOJ KAJ TAKSOJ | 7.922,05 | |
| RABATOJ DONITAJ | 7.468,06 | |
| ELSPEZOJ KUN DOKUMENTOJ | 80,68 | |
| ELSPEZOJ KUN LUMO | 769,16 | |
| PURIGADO KAJ KONSERVADO | 2.221,11 | |
| ELSPEZOJ KUN EVENTOJ | 2.592,15 | |
| KONTOJ DE TELEFONO | 3.191,83 | |
| POŜTO | 8.389,19 | |
| TRANSPORTO | 1.488,93 | |
| DISKONIGADO KAJ PROPAGANDO | 11.517,20 | |
| FISKAJ PRESAĴOJ | 670,00 | 79.032,09 |
| ***FAVORA SALDO*** | | *665.146,01* |

BRASÍLIA-DF, 31-an de decembro de 1997

Francisco Mattos de Oliveira
Vic-Prezidanto

Catarina Falcomer de Oliveira
Kont-Teknikisto CRC-DF 2221



**Kep Enderby**
Prezidanto de
Universala Esperanto-Asocio